# 3-a Internacia Junulara Tendaro



*Internacia manĝo: la tendarestro cerbumas pri la programo.*

Ĝi okazis de la 24a de julio ĝis 1a de aŭgusto 1972 sur la kampadejo Rabenstein, periferie de la urbo Karl-Marx-Stadt, samloke kiel pasintjare. Partoprenis ĝin preskaŭ cent junaj kaj mezaĝaj esperantistoj el 8 landoj. La tendaranoj loĝis en propraj aŭ luitaj tendoj kaj en lignaj kabanoj. La estraro de ĉi E-tendaro provizis la partoprenintojn per kompleta manĝaĵo dum la tuta tempo de la tendaro. Tiucele jam monatojn antaŭe la kampadeja E-junular-grupeto dum vesperaj horoj kaj semajnfinoj kreis la kondiĉojn por tio: konstruo de „kuirejo", kiu pli similis al kabano de arbaraj rabistoj, kuirfornon subĉielan kaj kaldronan instalajon, kiu kapablis provizi 100 personojn per sia enhavo. Bieran standon faritan de dikaj betulaj arboj, iom simplajn, sed tre solidajn subĉielajn tablojn helpe de plenaj bierglasoj servantaj kiel niveliloj, por ke la supo ne malaperu el la teleroj. Oni eĉ dancis sur tiuj tabloj senakcidente. Niaj preparantoj eĉ starigis tre fantazian kaj obskuran lignan trunkaron ĉirkaŭ ĉi tuta ensemblo. Ĝi havis la nomon: „Kaldrona angulo", sed ankaŭ „Diboĉejo", kion eldiris tabulo inter tiu ligna trunkaro. Sub la proksimaj „Konsilantaraj tilioj" pendis sageto kun la enskribo: Al gutoj, konstante frapantaj! Kaj fakte la gutoj abunde gutumis: Ni vendis 100 kestojn da biero kun po 30 boteloj dum la daŭro de nia E-tendaro, plus pli ol cent boteloj da vodko, kaj aliaj „akvoj". Interesa fakto, ke nur 20 kestojn da limonado kun po 30 boteloj trovis vojon al la partoprenintoj. Tiuj konstante frapantaj gutoj traboris la monton granitan jam en unuaj tagoj de la tendaro. Triumfis la bonhumoro. En ĉi kaldrona angulo okazis ofte aranĝoj. Junulara kantklubo prezentis internacian vesperon de kantoj pri la batalo de laborista klaso en aliaj landoj. Poste samaj aranĝis tre ritman kaj varmegan dancadon, foje interrompitan eĉ de „raĉenica"-melodioj por niaj bulgaraj geamikoj, kiuj ritme rondumis sur la herbejo mansvingante kun buntaj tukoj. Kulminan punkton oni atingis dum e-lingva prezento de „Klementin", aranĝitan tre ritme kaj modernstile. Ofte kantita (aplikita) estis la E-himno. Tutcerte neniam antaŭe en la historio de la E-movado dum iu ajn E-renkontiĝo oni tiom ofte himnumadis kiel ĉifoje en Rabenstein. Laŭ nova aranĝo kaj nova rava melodio.

Oni komenciĝas per ritma manklakado kaj daŭrigas per ritmaj krioj: Lud-vig Za-men-hof! Lud-vig Za-men-hof! Sekvas la originala teksto de la himno laŭ melodio de Kasaĉok. Ĉiuj nin vizitantaj junularaj muzikgrupoj kaj folklortipaj grupoj ne povis aliel: ili ludis por ni la E-himnon, ĉar iliaj programoj estis tiel perfektaj, ke niaj tendaranoj ankoraŭ nur aplaŭdis per tiu ritma klakado kaj ritma vortumado „Lud-vig Za-men-hof . . ." Sed ne nur la E-himno estis ŝatata: La E-junulara kampadeja klubeto prezentis al ni en entuziasmiga maniero la „himnon de Rabenstein", kiun tutcerte neniu tendarano perdos el sia memoro. Tiu himno

karakteriziĝas per la vortoj: „fiĉi-fiĉi-fiĉi-faj". Mi estas certa, ke ĉiu partopreninto tuj ekmemoras kaj pro entuziasmo komenciĝas ritme manklakadi kaj vortumi. Vere tre romantikaj la gajaj noktoj sub la bunta lamparo inter la centjaraj fagoj en nia „Kaldrona angulo". En la mezo super krakantaj ŝtipoj la giganta kaldrono. En angulo dua fajro: nia kuirforno, kie vespere ofte estis la fonto de rostitaj kolbasoj. Tuj apude la estro de la bierstando en la ligna pasilaro: ofte li estis mem sia plej bona kliento. Sed pri tio ni ne tro publike parolu!

Dum tiuj malhelaj vesperoj tintado de glasoj, ridoj, ŝercoj, iuj aplikadis iun „modern-esperanto" — perfektgrade.

Kelkfoje brulis la granda tendarfajro en la mezo de la tendara herbejo. Dumtage E-laborbrigadoj devis arbaren por prizorgi lignon. Neforgesebla tiu bildo, kiam iutage la prezidanto de TEJO, amiko D-ro Corsetti, vestita en normala kampadeja vestaĵo, en la maldekstra mano grandan adzon, en la dekstra tutan arbon, troviĝas sur amaso da ligno, kiu estis ĵetita sur ĉaron. Kaj tiu ĉaro rulas tra la arbaro de Rabenstein al la tendara herbejo. La ĉaron tiras gejunuloj el 8 landoj. Li tiel revenis de laborbrigadumado en la arbaro. Ni esperas, ke ankaŭ al li plaĉis la kelktaga restado en nia tendaro, kie regis ne tro komfortaj kondiĉoj, por ne paroli pri „primitivaj".

Ĉi-tie mi ankaŭ volas mencii la eldiron de nia juna japana amiko Toŝi. Ofte oni renkontis lin kuŝanta kaj rulanta sur la verdan herbejon. Li rakontis, ke en la japanaj grandurboj mankas ĉiu ajn verdaĵo. La aero apenaŭ taŭgas por spiri. Jam okazas, ke en magazenoj troviĝas sprejaj instalaĵoj, kiuj post enmeto de monero sprejas freŝan kaj puran aeron. Vere ŝokinformo!

Konsternigis nin ankaŭ la konstatoj de la italoj, ke ĉirkaŭ la novaj, moderne konstruitaj domoj de nia nova urbocentro troviĝas vastaj verdaj „kortoj" — herbejoj, kie senĝene sin amuzis la infanoj. Por ni tute normala afero, neniu el ni perdus vorton pri tio aŭ eĉ rimarkus tion. Sed ne ĉie en la mondo estas tiel.

Iom nevice mi nun perdu kelkajn vortojn pri la oficiala malfermo de nia tendaro. Oficiale ĝin malfermis, en flua Esperanto, la prezidanto de la dstrikta estraro de la Germana Kulturligo, kiu en la jaro 1946 foje lernis Esperanton, sed tiam pro profesiaj taskoj tute ne plu okupiĝis pri Esperanto. En nia respubliko li estas rekonata sciencisto, nia doktoro Hans Uhlig.

Menciinda la „akcepto" por la tendaranoj flanke de la urbaj aŭtoritatuloj. Ili ĉiuj venis al ni en la tendaron: la urbestro, urbaj konsilantoj pri kulturo pri ŝporto kaj junularo, la distrikta sekretario de la Nacia Fronto, deputito el la distrikta estraro de FDJ (komsomolo), de la partio, k. a. sociaj organizaĵoj. Tre vigla duhora diskutado pri junularaj problemoj ... poste la gastoj miksiĝis kun la tendaranoj kaj ĉe unuopaj tabloj daŭrigis diskutadon, vino fluetis, tre bona atmosfero.

Menciinda, ke ĉiutage ĵurnalistoj vizitis nin, intervjuis, kaj fakte la tutlanda gazetaro informis ĉiutage pri la tendaro. Tian publiciton ja eĉ ne havis nia centra konferenco. Dum ses tagoj ankaŭ estis filmista grupo inter ni de la televida studio Halle. Ili vigle agis, sed rezulton ankoraŭ ni ne vidis. Eble baldaŭ. En la programo de la tendaro ne nur estis amuzaj vesperoj, sed ni auskultis plurajn referaĵojn sub la temaro de la okazonta la tutmonda festivalo: La junularo de la tuta mondo akuzas la imperiismon. Ni tuŝis la krimojn de la usonaj murdistoj en Vjetnamio, ni aŭskultis prelegon de soveta amiko pri la 50jara jubileo de Sovetunio kaj okupiĝis pri kunlaboro de la junularaj sekcioj. Dum la „ekskursa tago"

# *La Hungara Kultur-festivalo (HKF) 17.-23.7.1972*

La HKF okazis paralele kun la Universala Kongreso, ĉar tiu ja ĝenerale por multaj eŭropanoj ne estis vizitebla pro la tro altaj vojaĝkostoj. Budapeŝto certe estis feliĉa elekto. Tie troviĝas multaj kapablaj, spertaj esperantistoj, kaj kiu ne emus viziti aŭ reviziti la „perlon de Danubo"?! La intenco de Hungara Esperanto-Asocio estis doni sinoptikan rigardon pri la hungara kulturnivelo sur la plej variaj terenoj de la arto. Ne surprize do la multfaceco de la programo. Ni spektis du majstre prezentitajn *teatraĵojn; LA TEMO de Frigyes Karinthy* kaj *BÖSENDORFER* de lia filo *Ferenc Karinthy.* Muzikamantoj povis ĝui tri *koncertojn.* Unue muzikis la *Budapeŝta Simfonia Orkestro,* due mi mencias la vesperon *KANTOJ KAJ ĤOROJ* de l'Artensemblo „Vasas". Ambaŭ treege plaĉis, la aŭskultantoj entuziasme aplaŭdis, sed ĉe ambaŭ prezentoj ili devis akcepti ellason de programeroj, ĉar ambaŭ komenciĝis kun malfruiĝo, sed devis ĉesi akurate.

Kiam esperantista publiko fariĝos tiel disciplinita, ke la programoj povas deruli laŭ siaj horaroj? La tria muzika vespero estis *fortepiana koncerto* de nia fama *IMRE UNGAR* kaj *kantoj de Ildiko Laczo,* kantistino de la Hungara Ŝtata Opero. Imre Ungar, preskaŭ denaska esperantisto, enkondukis per kelkaj frazoj la unuopajn erojn kaj tiel multe helpis, kompreni kaj ĝui ilin. En tiu ĉi rilato mi volonte memoras pri la *FOLKLOR-PROGRAMO* sub la gvido de *Karoly Szigeti.* Belegaj, fajraj hungaraj dancoj, sed antaŭ ĉio imponis min la eta orkestro kun sia juna, eminente bona dirigento kaj solisto *Bela Vavrinecz.* En Budapeŝto la E-literaturo vere estas hejme. Al ĝi estis dediĉita *„Perloj de la hungara literaturo".*

Kontribuis al ĝia sukceso *K. Kalocsay* kaj *L. Tarkony.* Bedaŭrinde mi ne povis ĉeesti, ĉar samtempe okazis kunsido de *Internacia Ligo de Esperanto Instruistoj,* kiu konferencis en la kadro de HKF.

---

*(resto de pĝ. 17)*
ni ankaŭ ne neŭtralumis, sed vizitis la imponan monumenton de Karl Marx en la centro de la urbo kun la Karl-Marx-Muzeo. Ne ĉion oni povas mencii, sed indas ankaŭ diri kelkajn vortojn pri malglataĵoj. Generale la lingva nivelo estis tre bona, tamen la plano de la organizintoj ne plene realiĝis. Malgraŭ ĉio alvenis homoj, kiuj sciis eĉ ne diri „Bonan tagon", tamen en ilia aliĝilo troviĝis subskribo kaj stampo, kiu „pruvis" ilian kapablon, konversacii E-lingve. Estonte ni tial aplikos rimedojn, kiuj absolute malhelpas al ne-esperantistoj, enpenetri E-tendaron. Alitempe tiuj estas bonvenaj, sed ne en niaj E-tendaroj, kie ili okupas rarajn lokojn, kaj krome malhelpas glatan organizadon, ĉar ili komprenas nenion.

Fine mi volas diri: Ĝis revido sur la kampadejo de Rabenstein en Karl-Marx-Stadt. Esperantistaj turistoj kaj kampadistoj ĉiutempe estas bonvenaj sur la kampadejo. Ni povas certigi al vi ĉiutempe lokon en ĝi, se vi antaŭe sciigas nin pri tio. Laŭ via deziro ni rezervigos por vi plene ekipitan lignan kabanon, aŭ tendon. Nian kampadejan E-grupeton vi povas renkonti ĉiun semajnfinon kaj mardon vespere en la kampadejo. En la akceptejo de la tendaro oni parolas Esperanton! Skribu al:

Campingplatz Rabenstein
DDR-9033 Karl-Marx-Stadt

*Rudolf Burmeister* *(Cetere la estro de la rava tendaro — La red.)*

**El Soveta Latvio ni informiĝis:**

La *Riga Esperanto* klubo komencis sian vintran sezonon la 13-an de septembro. En la urba Fremdlingva biblioteko, kie estas fako de Esperanto-libroj, por neesperantistoj prelegis s-ano *Ed. Jaunvalks* pri *„Vortprovizo de Esperanto“*.

En la Fremdlingva biblioteko estas aranĝita ekspozicio pri *Hungaraj Esperanto-eldonaĵoj* (turismaj prospektoj, revuoj, libroj). La ekspozicio funkcios unu monaton.

La 27-an de septembro en Domo de Instruistoj okazis vespero dediĉita al *Hungara Popola Respubliko* (prelegoj, rememoroj, informoj, versaĵoj, koncerto kaj ekspozicio). Riga Esperanto-klubo ricevis multajn salutleterojn de hungaraj gesamideanoj. Aranĝon partoprenis esperantistoj kaj neesperantistoj.

Nova *Esperanto-kurso por komencantoj* komenciĝis la 2-an de oktobro 1972.

Krome la Esperanto-klubo eldonis *programfolion*, kiu montras tre riĉan programon. Ni ĉi-tie menciu nur kelkajn temojn prezentitajn aŭ-otajn fine de ĉi-tiu jaro aŭ komence de 1973:

*El la historio de Latvia Esperanto-Movado / Strukturo de Esperanto-vortoj / Turismo kaj Esperanto / Internacia Virina tago / Naturo kaj Esperanto / Poezia ĥoro / Renkonten al Maja festo, junulara vespero / Esperanto kaj pacmovado.*

Specialan atenton meritas jena anonco:

**Esperanto-klubo en Riga la 28-an de februaro 1973 organizas vesperon dediĉitan al Germana Demokratia Respubliko: prelegoj, ekspozicio, koncerto. Bonvolu sendi salutleterojn! Ĉiu ricevos respondon: Adreso: Riga Esperanto-klubo, Riga-C, p. k. 499, Latvio. Skribu amase el GDR al Soveta Latvio!**

---

*(resto de pĝ. 18)*

mi nur povas mencii *pupteatran spektaklon, filmprezentojn, vizitojn de muzeoj kaj ekskursojn al historiaj lokoj*. Du *ŝipekskursoj* sur Danubo ebligis senĝenan babiladon, konatiĝojn kaj amikiĝojn en belega medio.

Kie okazas internaciaj renkontiĝoj de esperantistoj, tie la pacbatalantoj ne restas senaktivaj. Ankaŭ en Budapeŝto, oficiale en la kadro de HKF, okazis *MEM-soleno*. Malgraŭ la sufoka varmeco ĝi estis tre bone vizitata. *La prezidanto de MEM, k-do Aleksiev*, skizis la aktualajn problemojn solvendajn por la pacbatalantoj, antaŭ ĉio la ĉesigon de la militagoj de Usono en Hindoĉinio kaj la plej baldaŭan okazigon de eŭropa konferenco por sekureco. La sekvan tagon delegacio metis florkronon ĉe la *monumento de Dimitroff*.

Dankon al la sindonemaj, diligentaj budapeŝtaj organizantoj de tiuj neforgeseblaj tagoj! *L. Schödl*

# Eksterlandaj legantoj skribas

*K. Kalocsay kaj L. Tarkony pri „der esperantist“ kaj GDR-Paco 1971*

Ni citas el letero de 7. 8. 1971:

„... „der esperantist“ enhavas multon interesan kaj instruan. Speciale nin interesis „Deutsche Redensarten in Esperanto“, ĉar ankaŭ ni mem „remas en sama boato“ volante eldoni 5000 esperantismojn kun alia hungara ekvivalento, pli vere, temas pri 5 000 hungarismoj, kies ekvivalentojn ni klopodis trovi aŭ fari. Kompreneble ni ne donas laŭvortajn, t. e. spegulajn tradukojn, sed klopodas elekti tiajn solvojn, kiuj al ni ŝajnas internacie plej kompreneblaj. En la hungara ekzemple oni ne „remas en la sama boato“, sed muelas en la sama muelejo.“

Tre imponis nin la numero de „Paco“ kun sia belega aspekto kaj riĉa, varia enhavo. Plaĉis la prezento de Heine-volumo.

Pri la senditaj numeroj ni skribos en Hungara Vivo, en ties rubriko „Revuo de revuoj“.

*Dr. Kraus, Beograd skribas pri „der esperantist“:*

„... Mi ĉiam kaj ĉiun numeron atente kaj kritike trarigardas. Mi devas konfesi ke la koncepto de la taskoj de Via revuo kaj — sekve — la tuta enhavo, estas vere unika en nia esp. gazetaro — kaj certe ege utila al disvastigado de Esperanto kaj samtempe de socialista ideologio...“

*Voĉo el Vraca, Bulgario:*

En teksa teknikumo en nia urbo, esperanto estas instruata kiel fakultativa lernobjekto ek de 1960. La instrumetodoj estas diversaj: per objektoj, per bildoj, per magnetofono, per kino-filmoj, per legado de gazetoj k. s.

Ni ricevas regule „der esperantist“ jam kelkan jaron, kaj ni regule uzas ĝin por legi artikolojn antaŭ miaj gekursanoj dum la lernhoroj. Interesaj estas la artikoloj sub la titolo „Informoj“ kiuj estas mallongaj kaj oportunaj por la tradukado. Ankaŭ la ĉefartikolojn sur la unua paĝo ni ofte legas.

Por mi mem estas plej interesaj la metodikaj artikoloj kaj gramatikaj lecionoj. La lastaj estas skribitaj en germana lingvo kaj mi per la helpo de la instruistino de germana lingvo en nia lernejo tradukas ilin sed ofte mi multe komprenas sen tradukisto.

Estonte mi ofte sendados al vi artikolojn el la vivo de niaj esperantistoj.

Via amiko: Enja Daskalov
*Sekretario de instruista societo kaj instruisto en teksa teknikumo en Vraca — Bulgario*

*Karaj kamaradoj,*

hodiaŭ mi ricevis vialandan „Pacon“, transsenditan el Moskvo al Lubni, kie mi ripozas. La freŝa numero de la „Paco“ estas modelo de porpaca kaj poresperanta kreofaro!. Plej aktualaj temoj, bonstila lingvo, belaj fotoj, preslitera variaĵo, ĉio — ekde la unua kovrilo ĝis la fino — kreas vere bonegan aspekton, vekas admiron kaj senton de sincera danko al la redaktoro kaj al tuta kolektivo de la redakcio!

Kun amikaj sentoj *A. Logvin*

*A. Vaitilavičius, Vilnius*

# Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj III

(Daŭrigo el „de“ n-ro 54)

### Idiomajoj

Aliaj nomas ilin *idiotismoj*, ne ŝerce, sed sinonime. Vere, ofte ili aspektas idiote, kvankam ili estas nomataj ankaŭ — flugilhavaj vortoj.

Ni prenu por ekzemplo kelkajn germanajn idiomajojn. Se vi ekaŭdos de germano: *„Ich hatte ein großes Schwein“* (laŭvorte — *mi havis grandan porkon)* ne prenu tion reale, ĉar por germanoj porko estas simbolo de feliĉo. Ankaŭ ne ektimu, se germano por adiaŭo diros *„Hals- und Beinbruch!“ (rompu kolon kaj gambon!)*, ĉar tio konformas al ne malpli idiota rusa esprimo *„ni puha, ni pera!“ (nek lanugon, nek plumon!)*, aŭ, se ni tion diros simple kaj racie *„Feliĉon!“, „Favoran venton!“*.

Por klarigo de multegaj idiomaĵoj en naciaj lingvoj oni eldonas grandegajn vortarojn. Ekz. ekrigardu en frazeologia vortaro, kiom da „flugilhavaj“ aŭ „idiotaj“ esprimoj formis germanoj el la simpla vorto „gambo“ (Bein). Gambo figuras en 34 idiomaĵoj (laŭ la vortaro de L. Binoviĉ, Moskvo 1956). Inter ili ni vidas tiajn strangajn:

*Kein Bein! — nenia gambo! = nenio similas; die Beine unter die Arme nehmen — la gambojn preni sub la brakojn = kuri laŭ tuta forto; am Bein haben — havi sur gambo = resti ŝulda.*

En angla „poezio“ pri la gambo ni trovas 46 idiomaĵojn (laŭ vortaro de A. Kunin, Moskvo 1955), inter ili:

*all legs and wings — ĉiuj gamboj kaj flugiloj = nelertulo; hang a leg — pendigi gambon = heziti; leg and leg — gambo kaj gambo = egalaj poentoj.*

Taksante similajn esprimojn ni devas memori, ke ili estas strangaj nur por alinacianoj. P r o p r a j „idiotismoj“ al ni ŝajnas tute prudentaj kaj belaj. Ekz. la rusaj:

*spatj bez zadniĥ nog — dormi sen malantaŭaj gamboj = dormi tre profunde; na korotkoj noge — sur mallonga gambo = en amikaj rilatoj; ĵitj na ŝirokuju nogu — vivi sur larĝa gambo — vivi riĉe.*

*la litovaj:*

*ant vienos kojos — sur unu gambo = mallonge; užkelti koja — surmeti gambon — resti longe; kaire koja atsikelti — ellitiĝi per maldekstra gambo = havi malbonan humoron.*

Al alilingvanoj ili ŝajnas sendube idiotaj, kiel al ni la alilingvaj.

Tamen ekzistas parto de idiomaĵoj kun pli aŭ malpli internacia senco. Ekz. germanaj idiomaĵoj pri la sama „gambo“: *per unu piedo en ĉerko stari; starigi sur piedojn; stari sur propraj piedoj* — ŝajne devas esti facile kompreneblaj por multaj nacioj.

Similajn esprimojn povus facile asimili la internacia lingvo kaj per tio riĉigi, ornamenti sian stilon. Ĉi tie ni devas konkludi: la idiomaĵoj, kvankam ofte tre strangaj kaj idiotaj laŭ la rekta senco de la vorto, kvankam por interkompreno de homoj ne bezonaj, tamen sendube faras la lingvon pli kolora — ni diru — pli riĉa. Ili ornamas la lingvon, kiel ornamas knabinon iu broĉo sur brusto, aŭ harligo sur kapo.

Tasko de niaj lingvistoj estas elekti la plej internaciajn idiomaĵojn el naciaj lingvoj kaj krei ilian vortaron, certe ne malpli grandan ol en la naciaj. Niaj verkistoj, nia ĉiam pliviglîĝanta internacia vivo kreis ankaŭ proprajn, originale esperantajn idiomaĵojn. Ankaŭ tiusence nia lingvo fariĝos pli riĉa kaj samtempe pli klara kaj pli racia ol iu ajn nacia lingvo. Precedencon ni jam havas en nia proverbaro, kreita plejparte de Zamenhof mem. Belsoneco kaj rimebleco de Esperanto distingas ĝian proverbaron super nacilingvaj. Ni nur aŭskultu:

*Afabla vorto pli atingas ol forto;*
*Oni akceptas laŭ vizaĝo, forlasas laŭ saĝo;*
*Gasto sen avizo — agrabla surprizo;*
*Ŝteletiston oni batas, ŝtelegiston ŝatas, ktp. ktp.*

**Riĉeco de formoj**

Sub tiu ĉi rubriko ni analizos ne nur gramatikajn formojn, sed ankaŭ vortfaradon. La metodiko de vortfarado en Esperanto estas la plej granda fonto de riĉeco. Tamen ĝi donas al iuj imagon de simpleco, unutoneco aŭ grizeco, kompare al naciaj lingvoj. Jes, ni vidas, ke multaj vortoj, kiujn ni formas el unu radiko, en naciaj lingvoj havas tute apartajn, malsimilajn radikojn. Ekz. *otec i matj, tévas ir motina, Vater und Mutter, pére et mére, father and mother (patro kaj patrino).*

Hazarde ni apudigis la gevirajn nociojn kaj antaŭrigarde ni vidas, ke eĉ tiu unu flanko de lingvo faras tutan problemon. Jes, la problemo ekzistas nur en naciaj lingvoj, ĉar en Esperanto ĝi estas solvita per la simpla sufikso -in-. Tamen ni ne devas fanfaroni, ĉar tiu ĉi sufikso tute ne estas eltrovaĵo de Zamenhof. Ĝi ekzistas ankaŭ en germana lingvo kaj tie estas vastege uzata por signi la inajn profesiulojn, ekz. *Schneider-tajloro, Schneiderin-tajlorino, Schüler-Schülerin (lernanto, -ino), Sänger-Sängerin (kantisto, -ino).* En la rusa, en la litova ankaŭ estas por tiu celo specialaj sufiksoj aŭ finaĵoj. La diferenco inter Esperanto kaj tiuj lingvoj estas, kiel ankaŭ en multaj aliaj rilatoj, ke en la naciaj lingvoj ne estas sistemeco, reguleco. Do la supraj specimenoj estas nur esceptoj.

Angla lingvo ne havas specialajn signilojn por inoj kaj praktike ne diferencas, ĉu iu profesiulo estas viro aŭ virino. Ekz. *„he is a teacher"* kaj *„she is a teacher"*, do — li estas instruisto kaj ŝi estas instruisto. Ŝajne, angloj ne sentas grandan embarason en tio kaj certamaniere interkompreniĝas. Sed ni ne povas nomi tion riĉeco. Des pli la malriĉeco aperas, kiam anglo devas diferenci sekson de animaloj, ĉar nomoj de animaloj en angla lingvo estas sengenraj. Eliron oni trovas almetante al la neŭtra nomo la pronomon *„he" aŭ „she" (li aŭ ŝi), ekz. „he-cat" kaj „she-cat" (li-kato kaj ŝi-kato)* aŭ por birdoj — nocion de koko aŭ kokino, ekz. *„cock-sperrow"* kaj *„hen-sperrow"*, t. e. *koko-pasero* kaj *kokino-pasero.* Simila situacio estas ne nur en la angla. Turkoj katon nomas *kato-viro* kaj *katinon — kato-virino;* turkmenoj — *sinjoro kato* kaj *sinjorino kato.* Tiusence la rusa kaj la litova lingvoj estas pli riĉaj kaj pli esprimkapablaj. Sed ankaŭ ĉi tie mankas sistemeco, kiel ĉie ajn en naciaj lingvoj. Kvankam ĉiam nomoj de animaloj estas signitaj per seksa indikilo, iam mankas ĉu vira, ĉu ina vorto. Ekzistas eĉ tia kuriozo, kiam per la sama virgenra vorto oni nomas unu specon kaj per la in-genra — alian, ekz. ruse *„voron" (korvo) kaj „vorona" — korniko.*

La indiko de sekso ĉe nocioj de animaloj ne ĉiam signifas riĉecon aŭ, pli precize, oportunecon de lingvo, ekz. en biologiaj tekstoj estas ofte bezonata neŭtra nocio de animaloj, sed tiaj mankas en rusa kaj litova lingvoj.

Tiusence Esperanto donas eblecon esprimi pli precize, ĉar ni povas laŭbezone uzi sengenran, viran aŭ inan formon. Analogan eblecon havas ŝajne ankaŭ hana (ĉina) lingvo.

Stranga kaj senlogika ŝajnas al alilingvanoj maniero de multaj lingvoj signi eĉ nomojn de ĉiuj objektoj per vira aŭ ina genro, ekz. en litova lingvo tablo estas *„viro" kaj seĝo — „virino", pomo en la germana* apartenas al *vira genro, en la franca — al la ina, en la rusa — al la meza* aŭ *neŭtra genro* kaj en la *angla* ĝi estas *sengenra.* Ankaŭ en multaj aliaj lingvoj (armena, estona, turka, tatara, ĉina, uzbeka) nomoj de objektoj havas nenian genron. Kaj tiuj ĉi lingvoj sin sentas neniel pli malriĉaj ol tiuj kun geviraj titoloj de objektoj.

La plej paradoksa tiusence estas la germana lingvo, kiu diversajn objektojn nomas aŭ viraj, aŭ virinaj, sed fraŭlino, knabino kaj virino ne apartenas al ina sekso, ili estas senseksaj!

Sed la seksigo de objektoj iam donas al poetoj eblecon krei sentimentalaĵojn, parolante pri plantoj, animaloj k. s. Ekz. la germana poeto Heine kreis faman verson pri amo inter piceo kaj palmo. Ambaŭ tiuj arboj en la germana estas „inoj", sed la piceon la poeto virigis per aldono de vorto „Baum" (arbo). Tiamaniere li aludis pri la amo inter geviroj. Sed kiam Lermontov tradukis la verson en la rusan, kie la ambaŭ arboj estas inaj, la pasia amo inter viro kaj virino ŝanĝiĝis je temo pri soleco de du virinoj. Al alia rusa poeto Tjutĉev la ama temo ŝajnis pli grava ol la agantoj kaj li ŝanĝis la piceon je kedro. Kaj la tria tradukinto Fet enkondukis ankoraŭ pli „virecan" aganton — kverkon. Jen, kiajn barojn prezentas la naciaj lingvoj kun sia ŝajna riĉeco. Esperanto tiurilate havas la avantaĝon, ke nomoj de plantoj estas sengenraj. En kazoj de bezono oni povas inigi aŭ virigi iun ajn el ili. Mi ankoraŭ ne vidis tion reale, sed mi opinias, ke la gramatiko de Esperanto tion sendube permesas.

Tiamaniere ni konatiĝis kun unu eta flanko de vortfarado en kelkaj naciaj lingvoj.

Konsiderante la *problemon de vortfarado* pli ĝenerale, ni devas agnoski, ke en naciaj lingvoj la vortfarado iras plejparte laŭ la samaj principoj, kiel en Esperanto, do artefare. La diferenco estas nur tio, ke en Esperanto ekzistas sistemo, en naciaj lingvoj — pli da ĥaoso ol reguleco.

Ke vortfarado kaj derivado estas tre vaste uzata en naciaj lingvoj, ni povas juĝi, ekz., el aserto de lingvistoj, ke la verbo *„gerti" (trinki)* havas en litova lingvo *108 derivaĵojn,* la rusa radiko *„lov"* (kaptado) — *40 derivaĵojn.* Ĉu tio esprimas la fanfaronan riĉecon de lingvoj, ni devas dubi. Precipe, kiam ni aŭdas tiajn grizajn vicojn de derivaĵoj, kiel ekz. *ukaz, prikaz, nakaz, otkaz (edikto, ordono, instrukcio, rifuzo), dovoditj, podvoditj, privoditj, uvoditj, svoditj, otvoditj, zavoditj, perevoditj (alkonduki, sumigi, ordigi, forkonduki, kunigi, evitigi, aranĝi, traduki),* aŭ kiam ni vidas sur kvitancoj la vaste uzatan kalamburon — *„podpisj podisĉika"* (subskribo de subskribinto).

Kunmetitaj vortoj en naciaj lingvoj ofte estas pli primitivaj, pli krudaj ol en Esperanto, ekz. la germana: *Dummkopf* (laŭvorte — *malsaĝa kapo)* en Esperanto ricevas specialan sufikson, montrantan ke temas pri persono, — do, *malsaĝulo, malsaĝkapulo; Schreihals — kria kolo = kriemulo; das Dasein — ĉi tie esto = ekzisto;* ruslingva: *nosorog — naza korno = nazkornulo;* germana: *das Zugrundelegen = meto al la tero = argumentado,* das *Zugrundegehen — iro al tero = pereo; angla: broadcasting — vasta ĵetado = disaŭdigo.*

## LA GAZETARO PRI NI

*La lasta resumo pri artikoloj, kiuj aperis en la GDR-gazetaro pri Esperanto kaj nia agado, aperis en n-ro 50 „der esperantist“. Ni do daŭrigas: „Der Gummiwerker“*, Tabarz, 30. 11. 71, pri korespondo de esperantistoj el Tabarz, plue artikolo informa pri E. 9. 5. 72 ampleksege pri laboristo Oskar Kaufmann, esperantisto, murdita de reakcia polico 1932; Juli 1972 div. informoj sufiĉe ampleksaj.

*„Märkische Volksstimme“*, Potsdam, 31. 11. 71, portreto pri Marlis Goldbach, kiu ankaŭ okupiĝas pri E; 22. 7. 72 superamplekse pri la rezultoj de la vojaĝo al Leningrad.

*„Neueste Nachrichten“*, Gera, 7. 12. 71, ampleksa raporto pri distrikta E-konferenco.

*„Werftstimme“* (Warnow-Werft Warnemünde), 30. 12. 71, E-salutoj el Soveta Unio Else kaj Paul Köster, majo-junio 1972 en 8 ampleksaj artikoloj pri impresoj el Sovetunio, vojaĝo tien per Esperanto, tre lerte kaj bone farita!

*„Freie Presse“* Schwarzenberg, 21. 12. 71, E kaj solidareco kun Vjetnamio; 17. 2. 72 pri renkontiĝo en montaro.

*„Sächsisches Tageblatt“ Dresden*, 1. 12. 71, E kaj literaturo, ampleksa artikolo; 26. 1, 72 pri korespondo, amplekse; 15. 3. 72 amplekse pri E kaj muziko; 12. 4. 72 pri foresta studado de E; 12. 6. 72 laboro de la E-kursoj en Dresden; 19. 7. 72 E-istoj en Leningrad; 26. 7. 72 amplekse E-tendaro Rabenstein; en sama numero denove 5. 7. 72 amplekse kun mapo pri E-ferioj en Miedzygorze; 27. 7. 72 E-tendaro Rabenstein.

*„Volksstimme“ Magdeburg*, 5. 1. 72, amplekse pri la internacia laboro de E-istoj, de Rudi Graetz; 24. 5. 72 soveta E-isto kiel gasto de Magdeburgaj esperantistoj.

---

*(resto de pĝ. 23)*

Ni analizu ankoraŭ la anglajn: *chairman — seĝhomo, homo de seĝo = prezidanto; way-train — vojtrajno = antaŭurba trajno, iron — fero = gladilo, ironing — fer(ig)ado = gladado, curlingiron — fero por frizado = frizilo kaj multajn aliajn „ferojn“*, t. e. ferajn ilojn por diversaj celoj, kaj ni konvinkiĝos pri ofte tre primitivaj rimedoj de vortkunmetado en tiu ĉi lingvo. Ni memoru primitivecon de gramatikaj formoj, laŭ kiuj en angla lingvo substantiva vorto sen iu ajn ŝanĝo povas funkcii ankaŭ kiel verbo, adjektivo aŭ adverbo. La gramatikan sencon de la vorto oni devas diveni laŭ loko de la vorto en la frazo.

Ŝajnan riĉecon de naciaj lingvoj ni povus ekvidi en formigo de vortoj de unu kategorio per diversaj afiksoj. Mi pensas, ke ekzemploj eĉ ne estas necesaj — ĉiu povas ilin rapide trovi en ĉiu nacia lingvo. Kelkajn ekzemplojn el rusa lingvo donas E. Svadost en sia ruslingva libro „Kak vozniknet vseobŝĉij jazik“ (Kiel aperos ĝenerala lingvo, 1968) kaj poste ekkrias: *„Ne, ĉio ne estas tiel! Kaj se trarigardi tutan sistemon de la vortfarado en rusa lingvo — jes, ankaŭ en ajna nacia, ajna etna lingvo — ĉie ni renkontas absolutan disrompon de principo de sistemeco. Esceptoj sufokas regulojn“ (44 paĝo). (el „Horizonto de Soveta Litovio“ 3/71).*

*(Sekvas fino)*

*„Freie Presse“*, Neuruppin, 16. 2. 72, amplekse pri internacia korespondo.
*„Märkische Union“*, Potsdam, 18. 2. 72, pri infana kurso en Neuruppin.
*„Der Morgen“*, Frankfurt/O., 20. 1. 72, Ludwig Schödl en Frankfurt/O. kun grasa ĉeflinio, 26. 5. 72 E-konferenco de GDR; 16. 7. 72 TEJO-kongreso.

*„Der Morgen“*, Berlin, ĉiun duan semajnon (dimanĉe) aperas ampleksa artikolo de Peter Levsen pri Esperanto, pri la movado, informoj el la tuta mondo, legaĵoj por la kursoj, raportoj ktp. Do tre varia materialo ne malhavebla por ĉiu interesita kaj serioza esperantisto. Materialo, kiun vi ne nepre trovos en „der esperantist“. Ek de aŭgusto 1971 ĝis oktobro 72 i. a. aperis jenaj Levsen-aĵoj: Über den praktischen Nutzen / Wer wagt, gewinnt (konkurso); Zwei bedeutende Weltkongresse / Lesen Sie gern Gedichte? / Der Stiefel war vergiftet (anekdoto); Eine Fahne aus Vietnam (pri la vjetnamia movado) / La gajaj nombroj (anekdoto) / Fremdsprachenstudium leichter / Weihnachtliche Bäckerei (bakreceptoj en Esperanto)/ Als internationale Sprache Latein? / Jugend trifft sich in Torun / Sprachtraditionen in der Sowjetunion / Mickiewicz, T., und die Gegenwart (pri la pola movado); / Zweimal täglich, parolas Varsovio / Von Comenius bis Čapek (pri ĈSSR-movado) / Die Budapester Schule (pri hungara movado) / Lehrfach an der Universität (Budapest) / Bulgarische Literatur in Esperanto (bulgara movado) / Im Zeichen des Internationalismus (pri GDR-konferenco) / Auch Pali-Kurs in Punktdruck (blinduloj kaj E en GDR) / Fundamentaj Reguloj — stabile Grundlage / Fundamenta Gramatiko / Kongresse, Festival und Zeltlager / Zur Geschichte der Plansprachen / Universalschriften / Volapük — mehr als ein Kuriosum? / Ido — ein Reform-Esperanto / Informoj el la mondo) / Do „entute taŭgaj kompletigoj al „der esperantist“!

*„Freie Presse“, Werdau*, 24. 2. 72, E-istoj solidaraj kun Angela Davis.

*„Neuer Tag“*, Frankfurt/Oder, 19. 2. 72, amplekse kun foto pri E.

*„Märkische Volksstimme“*, Neuruppin, 16. 3. 72, E-filmo „La fonto“ el Hungario;

*„Brandenburgische Neueste Nachrichten“*, Potsdam, 26. 4. 72, pri internaciaj E-ligoj;

*„BZ am Abend“*, Berlin, 26. 5. 72, GDR-Esperanto-konferenco; 29. 5. 72 pri E-kultur-programo kadre la GDR-konferenco; 4. 7. 72 pri E-tendaro Rabenstein.

*„Leipziger Volkszeitung“*, 30. 5. 72, pri GDR-konferenco, 18. 7. 72 TEJO-Kongreso;

*„Bauernecho“*, Berlin, 31. 5. 72, kontaktoj de frankfurtaj E-istoj al Pollando; 27. 7. 72 E-tendaro en Rabenstein.

*„Neues Deutschland“*, Berlin, 8. 6. 72, amplekse pri E-kantoj kadre la GDR-konferenco; sufiĉe amplekse pri E-tendaro Rabenstein.

*„Sonntag“*, Berlin, 11. 6. 72, GDR-konferenco; 30. 7. 72 pri TEJO-kongreso en Torun;

*„Neuer Tag“*, Frankfurt/O., 1. 6. 72, E-istoj vojaĝantaj al Leningrad.

*„Berliner Zeitung“*, 18. 6. 72, TEJO-Kongreso.

*„Für Dich“*, Berlin, 1. 6. 72, Esperanto en Soppota lernejo kun foto.

*„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten“*, Leipzig, 9. 8. 72, 57-a UK.

*„Neue Zeit“*, Berlin, 23. 7. 72, ampleksege pri strukturo kaj utilo de E-o; 13. 8. 72 poŝatlaso; 24. 9. 72 esploro de laborista E-movado en Leipzig.

*„Sächsische Zeitung“*, Dresden, 24. 7. 72, E-istoj omaĝas Dimitrov.

„*Mitteldeutsche Neueste Nachrichten*", Leipzig, 19. 7. 72, Kopernikusfilatelaĵo en E; 26. 7. 72 E-tendaro Rabenstein; 11. 10. 72 ampleksega kaj lerta intervjuo pri utilo de E, kun foto;

„*Lausitzer Rundschau*", Cottbus, 26. 7. 72, E-tendaro en Rabenstein.

„*Ostsee-Zeitung*" Rostock, 14. 4. 72 E-kurso; 26. 7. 72 E-tendaro Rabenstein.

„*National-Zeitung*", Berlin, 26. 7. 72, amplekse E-tendaro Rabenstein.

„*Junge Welt*", Berlin, 26. 7. 72, E-tendaro Rabenstein; 31. 8. 72 respondo al demando de leganto, sufiĉe objektive kaj amplekse.

„*Freie Presse*", Karl-Marx-Stadt, 27. 7. 72, amplekse pri E-tendaro Rabenstein, kun foto.

„*Union*", Karl-Marx-Stadt, 27. 7. 72 E-tendaro Rabenstein.

„*Werft-Echo*", Neptunwerft Rostock, 29. 9. 72, novaj kursoj en Rostock, amplekse pri E kaj nova kurso.

„*Norddeutsche Neueste Nachrichten*", Rostock, 14. 4. 72 E-konferenco de la distrikto, amplekse; 28. 9. 72 amplekse pri E kaj nova kurso.

„*Demokrat*", Rostock, 17. 4. 72, E-konferenco de la distrikto, amplekse.

„*Sächsische Neueste Nachrichten*", Dresden, 28. 7. 72, E-tendaro Rabenstein.

„*Horizont*", Berlin, Nr. 32 E-geedziĝo en Rom.

„*Neuer Tag*", Frankfurt/O., 27. 9. 72, pri Esperanto.

„*Thüringische Landeszeitung*", Erfurt, 26. 7. 72 E-tendaro Rabenstein, 13. 9. 72 pri E kaj la fakto, ke E-istoj partoprenos la X-an „Junularan Festivalon".

„*Der Schmiedewerker*", Roßwein, August 1972, amplekse pri E kaj germana-soveta amikeco.

„*Das Volk*", Gotha, 18. 7. 72, TEJO-kongreso, 8. 8. 72 UK Portland.

**Konkludoj:** Montriĝis, laŭ niaj pruvekzempleroj, ke dum unu jaro plej multe raportis distriktaj kaj lokaj tag-gazetoj (31). Inter ili tute mankas gazetoj el la distriktoj Schwerin, Neubrandenburg, Suhl, Halle (Sed povas esti, ke iuj aperis kaj ni ne ricevis pruvekzemplerojn). Ankaŭ en uzinaj gazetoj ni trovis artikolojn (Rostock, Warnemünde, Roßwein, Tabarz) krome raportis 7 grandaj GDR-gazetoj (ND, Sonntag, Der Morgen, Bauernecho, Für Dich, Horizont, Junge Welt).

Multaj artikoloj estis respondoj je demandoj starigitaj de la legantoj. *Do starigu demandojn!* Eble: kian rolon hodiaŭ ludas Esperanto en la socialisma ŝtataro? Ĉu Esperanto povas ludi rolon en la pliprofundigo de la amikeco inter la socialismaj landoj? Ĉu planlingvo kiel Esperanto havas estontecon? Kie oni povas lerni Esperanton? Kiuj eblecoj ekzistas por raciigi la internacian lingvan interkompreniĝon? ktp. ktp. Krome klare videbliĝis, ke gazetoj ne tro ofte publicas longajn ĝeneralklerigajn artikolojn pri E sed prefaras interesajn raportetojn pri internaciaj aktivecoj, pri internaciaj aranĝoj, personaj amikecoj al socialismaj landoj k. t. p. kaj tio estas plene komprenebla. Ne iuj teoriaj asertoj pruvas la taŭgecon de Esperanto sed nur la praktiko mem.

Estas granda eraro, sendi al la redakcioj longajn artikolojn. Pli da ŝancoj havas 10—20 liniaj. Ankoraŭ ne sufiĉe plugita kampo estas la urbaj kulturaj kajeroj kaj informiloj. Tie ekzistas kelkfoje eblecoj publici pli grandajn artikolojn. Speciale oni ankaŭ dediĉu atenton al la uzinaj kaj fabrikaj gazetoj. Ili ofte disponigis lokon por interesaj artikoloj pri E kaj

## La logika konstruo de ESPERANTO ĉe unua ekzemplo

*La dua regulo de la GRAMATIKO DE ESPERANTO informas i. a., ke ĉiuj substantivoj havas la finaĵon „o“.*

*Por formi la pluralon oni aldonas la finaĵon „j“.*

*Tio estas simpla kaj absoluta.*

*Sed kiel mallogike estas konstruitaj la nacilingvoj!*

*La sekvanta tabelo montras nekompletan enrigardon pri la diversaj formoj de la pluraligo en tri nacilingvoj.*

*Kelkaj ebloj de nominativa pluralo.*

| | singularo | pluralo | signifo |
|---|---|---|---|
| 1. *en la rusa lingvo:* | клуб | клубы | klubo |
| | рубль | рублú | rublo |
| | пȍле | поля | kampo |
| | партия | партии | partio |
| | Мать | Матери | patrino |
| | Человек | люди | homo |
| 2. *en la angla lingvo:* | match | matches | ludo |
| | book | books | libro |
| | wife | wives | virino |
| | woman | women | sinjorino |
| | foot | feet | piedo |
| | mouse | mice | muso |
| 3. *en la germana lingvo:* | Tisch | Tische | tablo |
| | Wohnung | Wohnungen | loĝejo |
| | Haus | Häuser | domo |
| | Baum | Bäume | arbo |
| | Gebirge | Gebirge | montaro |
| | Atlas | Atlanten | kartaro |

*La rezulto:*

– *La lernanto de unu nacilingvo devas lerni por unu gramatika enhavo* m u l t a j n *finaĵojn (ĉe diversaj vortoj). Ofte la lernanto devas ŝarĝi sin kun malnecesa balasto de esceptoj, kiel en la germana „Atlas–Atlanten“ aŭ en la angla „mouse-mice“.*

– *En ESPERANTO nur unu formo ekzistas por unu gramatika signifo.*

*Manfred Trenne, Magdeburg*

---

*(resto de pĝ. 26)*

peresperantaj aktivecoj. Ni nepre komprenu: la plej bona informado pri Esperanto estas informoj pri peresperantaj aktivecoj.

CLR bedaŭrinde ne ricevas ĉiujn eltranĉaĵojn. Ni tial tre petas, ke en ĉiu grupo nepre iu estu respondeca por eltranĉo de aperintaj priesperantaj artikoloj por sendi ilin al ni. Se ni volas plibonigi nian pergazetaran laboron, ni bezonas vastan superrigardon pri la aperintaj artikoloj por analizi ilin kaj tiri la ĝustajn konkludojn. *D. B.*

# Mitglieder des Zentralen Arbeitskreises Esperanto der DDR im Kulturbund

*gewählt auf der Zentralen Konferenz der Esperantisten der DDR am 28. Mai 1972*

I.

1. *Bäßler, Otto,* Leipzig, Rentner, ehemaliger Mitarbeiter im Georgi-Dimitroff-Museum, vor 1933 Redakteur des Arbeiter-Esperanto-Bundes Deutschland und später Mitglied der Internationale Proletarischer Esperantisten (IPE), ab 1965 Mitglied des ZAK,
2. *Blanke, Detlev,* Berlin, Abteilungsleiter im Bundessekretariat des DKB, war Vors. des BAK Rostock 1966—1968, ab 1968 Sekretär des ZAK, seit 1969 Redakteur „der esperantist", Mitglied des Internationalen Komitees der MEM,
3. *Burmeister, Rudolf,* Karl-Marx-Stadt, Angestellter, hat großen Anteil an der Entwicklung der Arbeit der Esperantisten im Bezirk Karl-Marx-Stadt, Mitglied des BAK und seit 1968 des ZAK,
4. *Dr. Dahlenburg, Till,* Brüel, Russischlehrer an einer EOS, Mitglied des Nationalrates der DDR, seit 1969 Mitglied des ZAK,
5. *Dr. Eichhorn, Hans,* Berlin, Facharzt für Psychatrie, Vizepräsident des Weltjugend-Esperanto-Bundes (TEJO) und Mitglied des Internationalen Komitees der MEM, Mitglied des ZAK seit 1965,
6. *Prof. Dr. Falkenhahn, Viktor,* Berlin, Slawist, Vors. der Baltischen Gesellschaft der DDR, Dozent an der Humboldt-Universität, seit 1969 Mitglied des ZAK, Vors. der Fachgruppe Interlinguistik/Esperantologie beim ZAK,
7. *Fuchs, Helmut,* Pirna, Rentner, Mitglied des Internationalen Komitees der MEM, Mitglied des BAK Dresden, Mitglied des ZAK seit 1965,
8. *Graetz, Rudi,* Berlin, Handelsrat, Rentner, vor 1933 Vors. des Arbeiter-Esperanto-Bundes/Bez. Mecklenburg, Mitglied des ZAK seit 1965 sowie dessen Vorsitzender, Mitglied des Präsidialrates des KB, Mitglied des Internationalen Komitees der MEM,
9. *Hahlbohm, Rudolf,* Berlin, Theaterwissenschaftler, Sekretär eines Kreisausschusses für Jugendweihe, Mitglied des ZAK seit 1965,
10. *Hamann, Jürgen,* Leipzig, Student an der Fachschule für Bibliothekswissenschaften, 1. Vorsitzender des BAK Leipzig, Mitglied der Jugendkommission des ZAK, Mitglied des Komitees der TEJO,
11. *Heil, Günter,* Bernstadt, Rechtsanwalt, Redakteur der Esperanto-Zeitschrift „Amikeco" in Punktdruck, Mitglied des Präsidiums des Deutschen Blinden- und Sehschwachenverbandes,
12. *Heinel, Hans,* Oederan, Diplomphilologe, Mitglied des BAK Karl-Marx-Stadt, seit 1969 Mitglied des ZAK,
13. *Knapp, Raimund,* Berlin, Abteilungsleiter im Bundessekretariat des DKB, 1967/1968 Sekretär des ZAK, Sekretär der Zentralen Kommission Fotografie im DKB,

14. *Knöschke, Linde*, Berlin, Chemie-Ingenieur, bis 1970 Vors. der KAG Bautzen, seit 1968 Mitglied des ZAK,
15. *Krause, Erich-Dieter,* Leipzig, Diplomphilologe, Autor der Wörterbücher Esperanto/Deutsch und Deutsch/Esperanto (Enzyklopädie-Verlag), Mitglied des BAK Leipzig, seit 1969 Mitglied des ZAK,
16. *Krips, Rita,* Potsdam, Studentin an der Hochschule für Ökonomie, Karlshorst, Mitglied des BAK Potsdam und der Jugendkommission des ZAK,
17. *Dr. Ruff, Wolfgang-Peter,* Berlin Oberarzt an der Akademie für ärztliche Fortbildung, Mitglied des ZAK seit 1968,
18. *Schödl, Ludwig,* Oberschullehrer (i. R.), vor 1933 aktiver Funktionär des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes, Autor des 1. Esperanto-Lehrbuches der DDR, Mitglied des ZAK seit 1965, Neuruppin,
19. *Schödl, Ingrid,* Neuruppin, Fachlehrerin, Mitglied der Jugendkommission des ZAK, Mitglied des Komitees der TEJO,
20. *Vildebrand, Willy,* Berlin, Kaufmann, vor 1933 Vors. des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes, sowie Redakteur des „Arbeiter-Esperantist", Mitglied des ZAK seit 1965 und dessen stellv. Vorsitzender,
21. *Zimmermann, Wilhelm,* Fürstenwalde, Rentner, vor 1933 aktives Mitglied des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes, Mitglied des ZAK seit 1965,

*Die Mitglieder wurden von den Delegierten der Kreise und Bezirke gewählt.*

**II.**

**Gleichberechtigte Mitglieder des Zentralen Arbeitskreises sind außerdem ex officio sämtliche Vorsitzende der Bezirksarbeitskreise:**

| | |
|---|---|
| *Berlin* | *Ernst Schonert* |
| *Dresden* | *Walter Röhner* |
| *Erfurt* | *Werner Habicht* |
| *Frankfurt/Oder* | *Helmut Lehmann* |
| *Gera* | *Heinz Stengel* |
| *Karl-Marx-Stadt* | *Erich Würker* |
| *Leipzig* | *Jürgen Hamann* |
| *Neubrandenburg* | *Werner Pfennig* |
| *Potsdam* | *Richard Rabenalt* |
| *Rostock* | *Günter Peters* |
| *Schwerin* | *Hans Diedrich* |
| *Suhl* | *Robert Veigel* |

Außerdem werden zu den Sitzungen des Zentralen Arbeitskreises Vertreter der Kreisarbeitsgruppen Magdeburg, Cottbus und Halle eingeladen.

---

**Becher-medalo por s-ino Serowy**

La sekretariino en la sekcio Esperanto de Kulturligo de GDR, sinjorino *Ilse Serowy* estis distingita pro bonega 8-jara laborado por Esperanto per la Johannes R. Becher-medalo en bronzo. Ni kore gratulas!

CLR, la redakcio

# *Zum zweiten Male in Leningrad*

*Willi Zimmermann, der 1926 als Arbeiter-Esperantist die Sowjetunion durchreiste, besuchte damals auch Leningrad. 1972 war er einer der Teilnehmer der Freundschaftsfahrt. Er schreibt uns über seine Eindrücke u. a.:*

„Als überzeugter Interntionalist erlernte ich bereits 1924 die internationale Sprache. In den Folgejahren gebrauchte ich Esperanto zur Korrespondenz und für mündliche Kontakte mit Arbeiteresperantisten verschiedenster Länder und besuchte die Weltkongresse proletarischer Esperantisten, 1925 in Wien, 1926 in Leningrad, 1929 in Leipzig. Meine Frau hat ebenfalls Esperanto in jungen Jahren gelernt und kann es heute noch fließend sprechen. Die Freundschaft mit der Sowjetunion ist für uns seit unserer Jugend eine Selbstverständlichkeit. Also Grund genug, an der Fahrt nach Leningrad, im 50sten Jahr der Gründung der Union der Sozialistischen Sowjetrepubliken, teilnehmen.

In Leningrad erwartete uns eine große Menschenmenge auf dem Bahnsteig. Sowjetische Esperantisten waren zur Begrüßung der Gäste gekommen, und Junge Pioniere mit roten Halstüchern überreichten Blumen. Manch sowjetischer Esperantist begrüßte mit großer Freude erstmals seinen Briefpartner und Freund aus der DDR.

Hochachtung gebührt der Leningrader Esperantolehrerin Barbara Zwetkova, die die 900tägige Blockade Leningrads durchlebt hat, im Zuge der Kriegshandlungen für tot gehalten, aber durch die Kunst der sowjetischen Ärzte gerettet wurde, und nun zusammen mit ihrer ebenfalls Esperanto sprechenden und lehrenden Tochter Valerija zu den aktivsten und unermüdlichsten Gesprächspartnern gehörte.

Das Treffen wurde zu einer großartigen Demonstration deutsch-sowjetischer Freundschaft. Man muß den sowjetischen Esperantofreunden Dank sagen für ihre großen Bemühungen um die ausgezeichnete Betreuung durch die zuständigen Organe und für die gewährte Gastfreundschaft. Besonderer Dank gebührt dabei Genossen Professor Podkaminer, Veteran des Großen Vaterländischen Krieges, der seiner hervorragenden Verdienste halber während der Belagerung und Blockade Leningrads hochgeachtet wird. Im Jahre 1926 war er einer der Delegierten des damaligen Sowjetländischen Esperanto-Verbandes. . .

Mit meiner Teilnahme an dem Kongreß proletarischer Esperantisten in Leningrad 1926 war mein damals größter Wunsch, die Sowjetunion zu besuchen, in Erfüllung gegangen. Meine Anreise erfolgte zusammen mit einer größeren Gruppe von Arbeiteresperantisten aus Deutschland, Österreich, der Tschechoslowakei und Ungarn an Bord eines Frachtdampfers über die Ostsee. Um Reisekosten zu sparen, kampierten wir während der 4 Tage auf Strohsäcken in einem der Laderäume des Schiffes. Zur Anlegestelle am Kai der Newa waren die sowjetischen Esperantisten mit roten Fahnen und Transparenten gekommen. Ein Blasorchester intonierte die Internationale. Auch damals gab es einen unvergeßlich herzlichen Empfang. Durch die gemeinsame Sprache und gleiche Gesinnung waren unmittelbare Kontakte sofort gegeben, es war als seien wir zu längst bekannten Freunden zu Besuch gekommen. Die Unterbringung damals in einfach eingerichteten Studenten-Unterkünften kam uns recht komfortabel und zweckmäßig vor. Aus fast 20 Ländern waren Arbeiter-

*(Rest auf S. 41)*

# *Heinrich Heine / 1797-1972*

En tiu-ĉi jaro ni omaĝas al la granda germana poeto Heinrich Heine. Ni jam en „Paco" 4/1971 kaj en „der esperantist" Nr. 47 (majo—junio 1971) omaĝis lian verkon per recenzo de la 1970 aperinta volumo „Kantoj kaj Romancoj". Ni hodiaŭ volas represi el tiu volumo la konatan poemon „La sileziaj teksistoj", majstre tradukita de Kalman Kalocsay:

**La sileziaj teksistoj** [1]

*L'okuloj mornaj sen larm' rigidas,*
*dentgrince ĉe sia teksil' ili sidas:*
*„Tombtolon ni teksas por vi, Germani'.*
*trioblan malbenon enteksu ni!*
*Ni teksas, ni teksas.*

*Malben' al idolo, al kiu ni preĝis.*
*dum nin la malsato kaj frosto sieĝis.*
*Ni vane esperis, atendis helpvoke,*
*li nur mistifikis nin trompe kaj moke.*
*Ni teksas, ni teksas.*

*Malben' al la reĝo, al reĝo de l'riĉaj,*
*senmizerikorda* [2] *el enmizeriĝaj.*
*La lastan groŝon li el ni tordigas.*
*kaj nin kiel hundojn pafe murdigas.*
*Ni teksas, ni teksas.*

*Malben' al la falsa patruj', kie nura*
*malindo kreskas kaj hont' malpura,*
*kaj frue tretataj la floroj, la ĝermoj,*
*en putro kaj ŝimo plezuras la vermoj.*
*Ni teksas, ni teksas.*

*Navedo flugas, teksilo knaras,*
*ni tage kaj nokte la tekson faras.*
*Tombtolon ni tekas por Oldgermani',*
*trioblan malbenon enteksu ni.*
*Ni teksas, ni teksas.*

*(1840)*

---

[1]) Verkita okaze de la ribelo de la teksistoj en Silezio, la 4-an kaj 5-an de Julio 1844. En 1846, unu germano estis kondamnita al malliberejo, ĉar li recitis tiun poemon.

[2]) PIV: sen kompata indulgo

---

**Atesto pri malsano**

*Ekde la unua*
*Ĝis la dudektria*
*Ŝi devis restadi*
*En la lito (mia).*

*Rudi Graetz*

## KUNLABORO INTER PEA KAJ CLR

Feriante en Miedzygórze mi krome havis la eblecon paroli kun la nova prezidanto de la ĉefa estraro de PEA, Stanisław Świstak kaj la ĝenerala sekretario, Andrzej Pettyn, pri la komuneco en nia estonta laboro.

La socialisma integriĝo postulas pli intiman kunlaboron de esperanto-organizoj de socialismaj landoj. Tial, laŭ mia opinio, en pli forta dimensio ol ĝis nun ni devas laŭsisteme utiligi la eblecojn de la internacia lingvo esperanto por la ĉiuflanka evoluo kaj profundigo de la amikeco inter la popoloj de la socialisma landaro en spirito de la socialisma internaciismo. Ni plifortigu niajn klopodojn por konatigi al niaj esperantistoj la valoraĵojn de scienco, arto kaj kulturo de la socialismaj frataj landoj.

La profundigo de la amikeco kaj de la kultura kunlaboro kun la popoloj de Soveta Unio kaj la aliaj landoj de la socialisma ŝtataro plenumiĝos por la esperantistoj ĉefe per la evoluo de duflankaj kaj multflankaj rilatoj inter la unuopaj esperanto-organizoj.

La socialisma intergriĝo koncernas speciale ankaŭ niajn najbarajn ŝtatojn, Pollando kaj GDR. Tio signifas, ke la esperantistoj de ambaŭ niaj socialismaj landoj devos pli intime kunlabori ol ĝis nun.

Ni devas pli forte utiligi la novajn eblecojn, kiuj rezultas el la plua evoluo de la kunlaboro de la socialismaj ŝtatoj kiel ekzemple la plivastigo de la vojaĝeblecoj, nun senvizaj, inter Pollando kaj GDR.

Ĝojinda por mi estis, ke niaj polaj kamaradoj havis similan koncepton, kiel mi. Tial ni samopinis, ke por nia estonta kunlaboro necesos komunaj internaciaj kaj naciaj aktivecoj, kio necesigos regulajn konsultadojn de niaj estraroj, por interŝanĝo de spertoj pri nia ĝisnuna politika, kultura kaj faka laboroj. Ni ankaŭ estas por organizata formo de kunlaboro sur distrikta, subdistrikta kaj grupa niveloj.

Eblos komunaj aranĝoj, limrenkontiĝoj, seminarioj, reciproka plialtigo de la lingva nivelo kaj multaj aliaj aktivecoj. Ĉio estas necesa kaj utila kaj estus bona por nia komuna kunlaboro.

Post zorgema efika politika, kultura kaj faka preparoj certe venos la tago, kiam ambaŭ organizoj subskribos kontrakton pri komuna kunlaboro inter PEA kaj CLR.

---

**Koresponda Servo de TEJO**

Koresponda Servo de TEJO anoncas sian adresŝanĝon. La gvidantino de la KS estas: Jadwiga Greger, Sopot — Pollando, str. Kujawsak 24. KS de TEJO informas, ke oni jam povas sendi la adresojn de esperantistoj kiuj volas korespondi kaj samtempe oni povas ricevi korespondadresojn. Krom la nomo kaj adreso oni devas ankaŭ aldoni interesiĝojn kaj aĝon.

KS ankaŭ akceptas adresojn de E-Kluboj kaj Rondoj, kiuj volus komune korespondi kaj kunlabori.

De tempo al tempo, se KS havos sufiĉe multe da adresoj, oni elddonos specialan korespondbultenon kiun vi povos ricevi senpage.

*Rudi Graetz*

# Feriado en Miedzygórze 1972




*Am Mikrofon: Erich Wald, v. links nach rechts: filineto de Teresa Nimere; Maret Linke, Ingrid Linke, Hella Sauerbrey, Wally Graetz, Herta J. Weber, Erich Seidemann. Letzte Reihe v. l. n. r.: Werner Pfennig, Brunhilde Blank, Paul Linke (verdeckt), Werner Platek, Rudi Graetz, Helmut Trepte (verdeckt).*

Jam depost longa tempo mi promesis al mia edzino viziti najbaran Pollandon. Pro la interkonsento inter la registaroj de niaj ambaŭ socialismaj landoj nun por niaj ŝtatanoj praktike ne plu ekzistas limo.

Simpla montro de nia legitimilo sufiĉis kaj jam ni estis en Pollando.

24 horojn ni restis en Zielona Góra, malnova urbo kun puraj stratoj kaj afablaj kaj ĝentilaj homoj.

La saman bildon ni vidis en Wrocław, kie studento gvidis nin tra la urbo. Kvankam li nur komencis lerni la lingvon antaŭ kvar monatoj, li jam bone kaj senerare klarigis al ni ĉiujn vidindaĵojn de la urbo. Vespere ni vizitis la „Amikan vesperon" de la Vroclava Esperanto-klubo, kie ni konatiĝis kun membroj de la klubo. Antaŭe ni jam renkontis tie la prezidanton de la klubo, Edward Wojtakowski, kiu laboregis ankoraŭ preparante la feriadon de Miedzygórze (Mjendziguĵe) kaj la junan kulturdoman estrinon Witostawa Mazur.

La granda ripozdomo „Gigant", kuŝanta en belega valo, gastigis 255 esperantistojn el 9 landoj. Sur la mastoj antaŭ la domo flirtis la flagoj de Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FRG, GDR, Hungario, Italio, Pollando kaj Soveta Unio.

Ĉiuj organizintoj de la feriado 1972 inkluzive la estraroj de la ripozdomo kaj de la feriado meritas altan laŭdon por la organizado de ĉio. Neniu tago estis sen iu valora kultura aranĝo kaj bongustaj manĝoj. Dancaranĝoj, kursoj por la altigo de la lingva nivelo aŭ ekskursoj regule okazis kaj laŭvola grimpado sur la belegajn montojn de la ĉirkaŭaĵo ebligis veran feriadon.

Muzikvesperoj, teatraĵoj, internacia vespero, ĝojfajro ktpl. ĉio senescepte interesa kaj sukcesplena. Pri ĉiu aranĝo indus skribi ĉi tie pli detale, sed la ĉefredaktoro ankaŭ limigas mian lokon. Do mi ĉi tie nur povas rekomendi al ĉiu esperantisto, jam nun rezervu al vi lokon en Miedzygórze por la jaro 1973, tiam la vere internacia esperantista feriado okazos de la 16a ĝis la 29a de septembro.

# Post la kurso

## La gajaj nombroj

En kupeo de trajno (Zug) sidas kvar amikoj kaj alia pasaĝero. Granda gajeco (Heiterkeit) regas en la kupeo. Alterne (abwechselnd) ĉiu amiko krias al la alia iun (irgendeine) nombron: „43!" Laŭta ridado. „61!" Ridado el plena gorĝo (Kehle). La fremda pasaĝero petas la amikojn klarigi al li, kial ili ĉiam ridas pri la nombroj. Ili respondas: „Ni estas malnovaj konatoj (Bekannte) kaj ĉiusemajne (allwöchentlich) kune vojaĝas la saman distancon. Dum la veturado ni ĉiam rakontas al ni ŝercojn. Sed por simpligi la aferon, ni numeris niajn ŝercojn kaj nun nur citas la koncernan nombron." En tiu momento unu el ili krias „112"! Tondra ridego. „Kaj kion tio signifis?" demandas la fremdulo. „La ŝercon 112 ni ankoraŭ ne konis!"

a) *Beantworten Sie bitte die folgenden Fragen auf Esperanto:*
   1. *Kiu sidas en la kupeo?*
   2. *Kion faras la amikoj?*
   3. *Pri kio demandas la fremda pasaĝero?*
   4. *Kion faras la amikoj ĉiusemajne?*
   5. *Per kio ili pasigas (verbringen) al si la tempon?*
   6. *Kial ili numeris la ŝercojn?*
   7. *Kial ili speciale laŭte ridis pri 112?*

b) *Erzählen Sie nun die Anekdote mit eigenen Worten wieder!*

*Bearbeitet von Peter Levsen, aus „Der Morgen"*

## B. Shaw kaj la ŝtatviro

La verk/iston G. B. Shaw vizitis ŝtatviro kaj diris: — Sinjoro Shaw, mi decidis abdiki pri la ministra posteno, ĉar mi sentas, ke kiel verk/isto mi povus servi pli utile al mia patr/ujo.

Shaw respondis per suspekt/inda afabl/eco: — Por vi estas super/flue verki ... Vi faras grandan servon al nia patr/ujo jam per tio, se vi ĉesos esti ministro.

## Erläuterungen

*In diesem Text finden wir folgende Affixe: Ist': verkisto/-ind: suspektinda/-uj': patrujo/ec': afableco.*

*Im Wörterbuch finden Sie die Bedeutungen der Stämme und Affixe, so daß Sie diese Anekdote sicher leicht übersetzen können. Die eingefügten Schrägstriche sollen die Wortangabe erleichtern. Patrujo, — ujo in der etwas unglücklichen Bedeutung von Land (sonst Gefäß, auch Baum) = Vaterland, ist eine Nachahmung der Nationalsprachen. Der Nutzen des Akkusativs wird deutlich im ersten Satz: La verkiston vizitis ...* **Den Schriftsteller** ... *besuchte ...*

**Methodik:** *1. Lesen Sie den Text laut! (Akzent immer auf der vorletzten Silbe!) 2. Übersetzen Sie ihn und schreiben Sie die unbekannten Vokabeln heraus. 3. Versuchen Sie, die Anekdote in E-o nachzuerzählen. 4. Erarbeiten Sie zu diesem Zweck 3 bis 4 deutsche Fragen!*

*Bearbeitet von Peter Levsen, aus „Der Morgen"*

**Ni danke ricevis:**

– *Lesja Ukrainka: „Liriko"*, Poemoj, tradukitaj el la ukraina lingvo. Eldonisto: Komisiono pri internaciaj ligoj de ukrainaj esperantistoj, Kievo, Sovetunio, 1971, stencilita, 20 × 14 cm, 86 paĝoj. Interesa kolekto de poemoj el la verko de la plej grava ukrainia poetno.
– *Tibor Ujlaky-Nagy: „La sporta lingvo en Esperanto"*. Eldonis Hungara Esperanto-Asocio, 1972, 305 paĝoj, ofsetita.

  Prezentita kiel projekto tiu libro estas sendube la bazo por ellaboro de taŭga faklingvo de la sporto, gravega kaj kompetente farita laboro.
– *„Por la Paco X"*, eld. Komisiono pri internaciaj ligoj de Sovetaj Esperantistoj, Moskvo 1971, 78 paĝoj ilustrita, ofsetita. La kajero pritraktas en tre impresa maniero la heroan defendon de Leningrad kontraŭ la faŝisma blokado.
– *„Por la Paco XI"*, eld. Komosiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo 1971, 88 paĝoj, riĉe ilustria, ofsetita. Ankaŭ tiu kajero prezentas, riĉan kolekton da eseoj, poemoj raportoj k. s. Elstaras la kontribuoj de Nina Sulje pri la tro frue mortinta profesoro Bokarev. Ni legos pri Hindoĉinio kaj la tiea rolo de USONO, pri cionismo, la sukcesoj de 50 jaraĝa Soveta Unio, sciencajn novaĵojn kaj multon alian. Simpatitan raporton pri siaj travivaĵoj kaj impresoj 1971 en Berlin verkis nia amiko Grigori Korotkiewiĉ. Tiu serio „Por la Paco" reviviĝis kaj pri tio oni vere povas ĝoji. La enhavo de la kajeroj estas valoraj kaj meritus pli bonan veston.
– *„Kun onklo Ho"*, memoroj de kunlaborantoj de la granda Ho Chi Minh, eld. Fremdlingva Eldonejo, Hanojo 1972, 400 pĝ. (Recenzo sekvos).
– *L. Zamenhof, HILELISMO*. Interesa komplemento al la konata idearo de la fondinto de nia lingvo. Rusa originalo kun traduko de Adolf Holzhaus. 2×78+8 paĝoj 148×205 mm.
– *Adolf Holzhaus, WILHELM HEINRICH TROMPETER.* Biografio de la unua mecenato de Esperanto. 62 paĝoj 130×210 mm.
– *Adolf Holzhaus, DOKTORO KAJ LINGVO ESPERANTO*. 524 paĝoj 145×200 mm, kun pli ol 100 fotografaĵoj kaj reproduktaĵoj.

**TEJO kaj eŭropa sekureco**

Ne nur en la kadro de la 28-a TEJO-kongreso 1972 en Torun la junaj esperantistoj debatis pri eŭropa sekureco. Sian volon okupiĝi pri la aktuale gravaj internaciaj problemoj TEJO ankaŭ montris per sia partopreno en internacia junulara konferenco pri eŭropa sekureco, kiu okazis fine de aŭgusto en Helsinki. 8-membra TEJO-delegitaro samrajte kaj bonefike partoprenis la laborojn de la konferenco, mem kontribuante al la sukceso de la pritraktoj kaj atentigante pri la peresperanta solveblo de la lingva problemo.

---

*El letero de nia amiko Bertil Englund, Svedio*

„La lastajn du jarojn kelkaj GDR-anoj skribis korespondeme al mi en Esperanto. Pluraj el ili ŝajnas influitaj erare de la germana helpverbo „haben". Ili ofte skribas jenon: „Mi havas skribis", „havas ricevis" k. t. p. Ĉu iliaj pedagogoj eraris? . . ."

**Petoj kaj informoj de CLR kaj la redakcio**

1. Ni daŭre bezonas artikolojn pri metodikaj spertoj en la kursoj. La artikoloj povas esti mallongaj, sed, se eble, nepre ne havu pli grandan amplekson ol 50 linioj.

2. Ni petas, liveru al ni (eĉ anonime) faktojn pri malĝustaĵoj, kritikindaĵoj el la grupoj kaj estraroj. Ni faros el tiu rubrikon, kiu servu al vi kiel konsultejo.

3. Same ni ŝatus ricevi taŭgajn kontribuojn por serio „Kiel pli efike labori". Ni ne tiel bezonas ĝeneralajn agadraportojn sed preferas spertojn pri efika agado, kiuj estu ĝeneraligeblaj ankaŭ por aliaj grupoj.

4. Sendu al ni taŭgajn anekdotojn mallongajn ekzercmaterialojn por kursoj kaj komencantoj.

5. Ne forgesu ke ĉe CLR kolektiĝis jam pli ol 1000 esperantaj titoloj, kiuj formas la bazon de arkiva biblioteko. La materialo estas zorge kolektata, registrata, katalogata kaj bindota. Post finprilaboro de la tuto la biblioteko ankaŭ pruntedonos librojn. Sed en la unua stadio necesas, kaj decas, ke ĉiu kontribuu per duoblaĵoj al la starigo de vere valora scienca arkiva biblioteko. Ne forgesu, ke CLR ĝis nun estas la sola institucio en GDR, kiu ankaŭ sekvas la sciencajn aspektojn de Esperanto (i. a. komparu Paco 4/72 „Pri neceso kaj utilo de interlingvistikaj esploroj"). De bona materialo multo dependas. Bedaŭrinde ekzistas multaj esperantistoj, kiuj, tion ne komprenante, ne volas seniĝi de gravaj materialoj. Bone, se tio ne eblas, ni tamen ĝojus pri listo de la posedata materialo por eventuale fotokopii titolojn aŭ gazetojn. Precipe gravas, ke valoraj kolektoj de mortintaj esperantistoj ne iĝu viktimoj de la hazardo aŭ kaprica bontrovo.

6. Kiu kapablas kaj pretas projekti (desegni) motivon por „honora insigno" por distingi per tio meritajn esperantistojn?

7. La fotorepreso de la lernolibro de Ludwig Schödl „Wir lernen Esperanto sprechen" estas havebla ĉe CLR. Ekzemplero nur kostas M 3,80. Temas pri kompleta represo de la kurso minus kantoj kaj vortaretoj.

8. CLR reaĉetos jenajn numerojn „der esperantist" 1 – 11/12, 16/17 – 24, 30/31, 32/33, 38/39, 40/41, 47, 49, 50, 54.

9. Diskoj de la bulgara esperanto kantisto Miŝo Zdrava estas mendeblaj tuj ĉe CLR. Disko kun 4 kantoj kostos M 8,–.

10. Distrikta Laborrondo Rostock havigos al vi esperanto-flageton verda kun stelo en blanka rondeto. Mendu ĉe Werner Plate, 25 Rostock, Lüneburger Straße 13.

11. Ne forgesu renovigi la abonojn por „der esperantist" (ĉe via peranto distrikta) kaj „Paco" ĉe CLR.

12. Esperanto-insignoj aperos nur komence 1973.

13. **Haveblas ĉe CLR:**
   a) La konata Pettyn-kurso „Ĉu vi parolas esperante" (kun 4 longdaŭraj diskoj) por prezo de 45 markoj (komparu „der esperantist" 43, pĝ. 5).
   b) „Poŝatlaso de la mondo", Praha 1971, M 12,60 (komp. la recenzeton).
   c) Gvidlibro por supera ekzameno, vol. II. redakta komitato, Budapest 1966, 190 pĝ. M 4,50, valora materialo i. a. pri historio de planlingvoj, kaj speciale pri Esperanto kaj ĝia literaturo.

   La titolo a) estas ankaŭ mendebla ĉe Polnisches Kulturzentrum, 102 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 7, kaj 701 Leipzig, Am Brühl 9.

**Vigla Esperanto-grupo Tabarz**



*Tiel oni viglas en Tabarz*

Meze de la Turingia Arbaro situas la kuracloko Tabarz. Ankaŭ tie nun jam ekzistas 1-jara Esperanto movado en la kadro de GKL. La Esperanto-laborgrupo Tabarz estis fondita la 31-an de marto 1971 en montgastejo. En la unua jaro de sia ekzistado la grupo Tabarz laboris tre vigle sub la moto „komuneco estas nia forteco". Ĝi aranĝis la duan de majo 1971 la kvaran subdistriktan renkontiĝon, kiu estis granda sukceso. Tiun-ĉi renkontiĝon paroprenis 32 esperantistoj de subdisdrikto Gotha. La 26-an de junio 1971 la komencanta kurso finiĝis per ĝardenfesto. Ankaŭ tiu festo estis tre bone aranĝita. Nova kurso komenciĝis en la monato septembro. La membroj de la iama kurso fariĝis progresantoj kaj daŭrigis kurson por pliperfektiĝo. La kurso por komencantoj nur konsistis el gejunuloj kaj oni aranĝis junularkurson sub la gvido de junulo. Ĉiuj kursoj okazis en la lernejo de Tabarz. La grupanoj nun korespondas kun geamikoj el 12 landoj. La 15-an de decembro 1971 la grupo aranĝis Zamenhof-vesperon, ĉe kiu oni parolis pri vivo kaj laborado de doktoro Zamenhof. Por la vigla laborado la esperantistoj de Tabarz ricevis dokumenton, kiel plej bona Esperanto-grupo de distrikto Erfurt.

En monato januaro de la kuranta jaro, la junularo aranĝis kabanovesperon en la gastejo „Schauinsland". Ĉiuj membroj renkontiĝis tie por festi la novan jaron per artfajraĵo.

Al varbvespero, la grupo invitis la membrojn de la „Libera Germana Junularo" en la monato februaro. Tie oni parolis pri la laborado de la esperantistoj en la servo de mondpaco.

Je la 30-a de marto 1972, la grupo Tabarz festis la unuan datrevenon de sia fondiĝo. La salutvortojn parolis la grupestrino Käte Meißner, kaj la prezidanto de DLR honoris la laboradon de tiu ĉi grupo en konciza raporto.

*Werner Grebhahn*

**Hohe Auszeichnungen für DDR-Esperantisten!**

Für große gesellschaftliche Aktivität erhielt der verdiente Lehrer des Volkes, *Ernst Diedrich*, Warin, den Vaterländischen Verdienstorden in Gold.

Sein Bruder, *Hans Diedrich*, BAK-Vorsitzender im Bezirk Schwerin, bekam als höchste Auszeichnung der Deutschen Reichsbahn die Verdienstmedaille der Stufe 3 verliehen.

Beide waren schon in ihrer Jugendzeit aktive Arbeiter-Esperantisten. Hans Diedrich feierte am 23. August seinen 60. Geburtstag. Nachträglich herzliche Glückwünsche und weitere Erfolge wünschen *ZAK, Redaktion*

# SEJT-14 sukcesis ĉe Moskvo

Vere nemultaj esperis pri tiu sukceso. Eĉ la naturo estis kontraŭ ni. Neniam en Rusio estis tia varmega somero. Brulis marĉoj kaj arbaroj. La homoj timis elurbiĝi. Sed la soveta junularo ne imagis someron sen la jam tradicia, nun la 14-a Soveta Junulara Esperanta Tendaro, SEJT — 14. Kiam V. Aroloviĉ kaj kelkaj aliaj moskvanoj venis en la tenda urbeto, densa fumnebulo kovris la ĉirkaŭan arbaron. „Tio estas la sola tendurbeto apud la ĉefurbo", — diris al la esperantistoj la mastroj. „Estu vi fajrobrigado kaj gardu la ĉirkaŭaĵojn kontraŭ incendio! Do ni fidas al vi, kamaradoj." La estonto montris, ke tiuj esperoj ne vanis. Unufoje la tendaranoj dum kelkaj horoj sufokis fajron, neniam fumis en la arbaro, kaj la kunvenoj pasis eĉ sen tradicia lignofajro.

Kun granda atento oni aŭskultis prelegon de nia samideano, doktoro, profesoro D. L. Armand pri universalaj ligoj en la naturo. Post la elpaŝo, la aŭskultantoj estis afable provizita per la teksto de la prelego, kiun kompilis arda defendanto de naturo, la estona samideano August Kilk. Entute estis tradicia la somera universitato, en kies kadro parolis la estimata profesoro. Ĝi estis unu el la plej sukcesaj programeroj. V. Samodaj, soveta redaktoro de Paco intervenis pri fundamentaj leĝoj por tradukado, docento B. Tokarev rakontis pri la rusa kaj la hungara skoloj en la E-literaturo, V. Ŝilas, ĵus veninta el la E-tendaro en GDR kaj de la TEJO-kongreso en Pollando, priskribis siajn impresojn, A. Ĥarkovskij prelegis pri la fama E-poeto V. Eroŝenko kaj la E-veteranoj V. Lebren, S. Ĉahotin. Atenton elvokis filmoj pri E-tendaroj, prezentitaj de geedzoj Armand, lumbildoj pri Arabujo, kiun spektigis V. Samodaj kaj diapozitivoj, en kiuj oni respegulis la E-movadon en Litovio (aŭtoris A. Vizgerdas). La plej granda sukceso en la SEJT estis ŝajne la tradiciaj kunvenoj de E-aktivuloj (la aliaj en tiu tempo sub gvidado de V. Tokarev kaj Z. Skvorcova ekzercis la lingvon). Klubestroj rakontis pri loka laboro, sukcesa tendaro „E kaj naturo", E-kampadejoj por pioniroj en Litovio kaj ĉe Azova maro, kontaktoj kun s-anoj en frataj landoj. Speciala komisiono laŭ detala puenta sistemo kalkulis la aktivecon de diversaj junularaj kluboj. La unuan lokon okupis la E-klubo en la litova urbo Klajpeda, oni ĝin premiis per transira Zamenhof-pokalo kaj PIV. Sekvinta post Klajpeda estis la urala Ufa-klubo, kiu ricevis valorajn E-librojn (inter ili „Mi estas Pele"). La kunvenantoj decidis, ke tri sekvajarajn E-tendarojn porinstruistan, naturamikan kaj SEJT-15 oni okazigos sinsekve en ĉebaltio, venontsomere.

Kun kortremo la amikoj ĝisrevidis, forveturinte el Moskvo. Sed ili jubilis, ke la ĉefurbo gastigis junajn esperantistojn. Neforgesebla por ĉiam restas vi, tendaro en la centro de nia amata lando. *Aleksandro Ĥarkovskij*

---

**Interlerneja akademia rondo**

*20 persona interlerneja esperantista rondo serĉas kunlaborantojn. La programo de la agado antaŭvidas sciencan kunlaboron kun eksterlandaj, precipe germanaj; esperantistaj rondoj pri sukcesoj, eksperimentoj, reciprokaj vizitoj kaj konversacioj, ankaŭ skribe.*

*Zrzeszenie Studentów Polskich Rada Okregowa we Wrocawiu*

*Interlerneja Esperanta Studenta Rondo Vroclavo, Dubois strato 3*

# Solidarecon al Vjetnamio

*La ĉeĥoslovakia MEM-Sekcio sendis al ni jenan leteron, kiun ni volas komuniki al niaj legantoj pro ĝia graveco kaj aktualeco.*

Estimataj pacamikoj, la Estraro de Ĉeĥoslovaka MEM-sekcio decidiĝis helpi krei oportunajn kondiĉojn — precipe materiajn — kiuj ebligos al niaj bravaj vjetnamaj pacamikoj el VPEA partopreni en la venontjaraj Ĝenerala Konferenco de MEM kaj 58-a Universala Kongreso de Esperanto. kiuj okazos en Beogrado – Jugoslavio.

Ĝi kolektis por tiu celo provizore 3 000 ĉeĥoslovakajn kronojn dum la okazinta kampanjo „Ĉeĥoslovakaj esperantistoj al la batalanta Vjetnamio", kiu kuris ses monatojn kaj alportis krom la citita sumo pluajn konsiderindajn financajn, materialajn kaj politikajn rezultojn. Tiun ĉi sukceson oni atingis, ĉar la esperantistaj lokaj kaj uzinaj rondetoj kaj kluboj sciis ekinteresigi por la kunagado ankaŭ la aliajn sociajn organizaĵojn kaj instituciojn en la lando.

Tiuflanka helpo al niaj karaj vjetnamaj kamaradoj per tio ne finiĝis, sed ĝi daŭros ĝis ilia fina venko super la usonaj agresantoj kaj ties malfidaj helpantoj.

La Estraro de la MEM-sekcio en Ĉeĥoslovakio en la nomo de la ĉeĥoslovakaj esperantistoj amike alvokas ankaŭ aliajn landajn sekciojn, perantojn kaj aktivulojn de MEM organizi similajn solidarecajn kampanjojn — aparte tiun por mone aŭ alimaniere, sed konkrete kaj praktike, certigi la vojaĝon de plurmembra delegitaro de VPEA al la diritaj venontjaraj eventoj kaj renkontiĝo kun la tutmonda pacdefendantaro.

P.S. Ni ankoraŭ menciu, ke en 1973 MEM festos la 20-jaran jubileon de sia fondigo.

Kun varma pacamika saluto

Por: PACO-SEKCIO / MEM
de Ĉeĥa Esperanto-Asocio
subs. Tomáš Balda, prezidanto

---

**Gemeinsames Treffen der Esperantisten der Bezirke Erfurt und Suhl**

Auf Einladung des Bezirksarbeitskreises Suhl trafen sich am 12. 8. 1972 Esperantofreunde aus den Bezirken Erfurt und Suhl in Schmalkalden. Dieses Treffen sollte dem Ziel dienen, sich gegenseitig kennenzulernen und gute Erfahrungen in der Arbeit für und mit Esperanto untereinander auszutauschen.

Die Jugendfreunde, die am Esperanto-Weltjugendkongreß in Torun, am internationalen Zeltlager in Rabenstein und am Festival in Budapest teilgenommen hatten, berichteten über ihre Eindrücke. Daran schloß sich eine lebhafte Aussprache über diese Berichte und über Probleme der Esperantoarbeit im allgemeinen an.

Von allen Teilnehmern wurde der Wunsch geäußert, daß dieses Treffen der beiden Bezirke der Beginn einer fruchtbringenden Zusammenarbeit werden möge. Es wurde vorgeschlagen, im Oktober ein zweites gemeinsames Treffen in Erfurt durchzuführen.

## „Turisma Bulgario"




Sub ĝiu titolo aperis senpaga esperantlingva luksa prospekto, 16-paĝa, multkolora, riĉenhava eldonaĵo de la Komitato de Turismo en Popola Respubliko Bulgario. Per trafe elektitaj ilustraĵoj kaj konciza teksto ĝi informas pri ĉarmaj vizitindaj anguloj de la lando: loĝlokoj kaj muzeoj, ripoz- kaj banlokoj ĉe Nigra Maro (Slânĉev Brjag, Zlatni Pjasaci, Drujba, Albena, Rusalka, Juĵni Bregove k. a.) en la montaroj (Pamporovo, Borovec, Aleko k. a.) mineralakvaj fontoj, naturaj fenomenoj (Rokoj de Belogradĉik, la groto „Sâeva Dupka" k. a.) antikvaĵoj, tradiciaj bulgaraj festoj kaj kutimoj ktp. La prospekto donas ankaŭ kelkajn aliajn informojn — pri historio, fervojoj, ŝoseoj, vojaĝkostoj, turistaj oficejoj kaj agentejoj ktp.

En la prospekto oni povas legi: „Popola Respubliko Bulgario de 1967 ne postulas vizojn de civitanoj de kiu ajn lando kiuj venas al Bulgario turistcele kaj restas sur ĝia teritorio ne malpli ol 48 horojn kaj ne pli ol 2 monatojn". Do — sen vizoj, sen formalaĵoj! Nur regula pasporto por eksterlanda vojaĝo!

Eksterlandaj samidenanoj, se vi deziras senpagajn prospektojn „Turisma Bulgario" kaj pliajn vojaĝinformojn, adresu vin al: Komitato de Turismo, pl. Lenin 1, Sofio, Bulgario.

## Universala Kongreso 1972

La 57-a Universala Kongreso de Esperanto okazis 1972 en Portland (USA). La ĉeftemo de la kongreso estis „Esperanto en la turismo". La kongreson partoprenis 923 personoj el 39 landoj. Dua temo de la kongreso estis „La valoro de fremdlingva instruado en la lernejoj."

En aŭgusto 1972 mortis post longa malsano la estro de la distrikta laborrondo de Halle

s-ano

**ERNST MUTHSCHALL**

Ni honormemoros lin kiel senlacan aganton.

**DLR Halle, CLR**

Mortis la 9. 4. 1972 merita esperantisto

**ERNST KLÖTZKE**

apotekestro, en Neuhaus-Schischnitz.

**DLR Suhl**

### VIII-a Kongreso de Kulturligo

En la granda kongreshalo ĉe Alexander-Platz en Berlin en la tempo de 26.—28.-a de oktobro 1972, kunvenos pli ol 700 delegitoj kaj gastoj el ĉiuj grupoj kaj organizaĵoj de la Germana Kulturligo por bilanci la laboron faritan dum la pasintaj 4 jaroj kaj por skizi la vojon irendan.

Pli ol 200 000 membroj aktivas en 40 plej diversaj fakoj de la organizo. Ekzistas jenaj ĉefbranĉoj: scienco kaj kluboj / literaturo kaj arto, (literaturo, arto muziko, teatro), / naturo kaj hejmlando (i. a. botanikuloj, flaŭruloj, numismatikuloj, historiistoj ktp., tiu plej granda branĉo ampleksas 25 sekciojn) / fotografio / filatelo / Esperanto.

La agado de la esperantistoj trovis vere decan, neignoreblan lokon en la presita 60 paĝa raporto de la kongreso.

Krome en la foto-aldonaĵo troviĝas foto pri la flago donacita de Vjetnama Pacdefenda Esperanto Asocio al Centra Laborrondo. Ĉiu delegito krome trovos en sia kongressaketo n-ron 54 „der esperantist" kaj la koloran GDR-prospekton. En granda kongresa ekspocizio ankaŭ estas esperanto-angulo. Krome la kongresanoj povos aĉeti la fotorepreson (sufiĉe bele faritan) de la lernolibro „Wir lernen Esperanto". Do — dum la bilanco de la kongreso ankaŭ la esperantistoj ludos sian rolon. En la sekvonta numero ni raportos pli amplekse pri la kongreso.

### Semajna filmrevuo pri Esperanto

Certe ne malmultaj estis surprizitaj aŭdi en unu el la ĉiusemajne ŝanĝiĝantaj filmrevuoj (montrata antaŭ la ĉefa filmo) komence de septembro sufiĉe longan raporton pri la hungara kulturfestivalo. Oni montris scenojn el la kulturprogramo, la koruson gviditan de Rita Barabas el Budapest, intervjuis diversajn esperantistojn kaj komentariis ĉion, kvankam iom skeptike, sed tamen sufiĉe sobre kaj objektiveme. Ĉiukaze, tiu filmrevuo, montrita antaŭ centmiloj da spektantoj en ĉiuj kinejoj de GDR, atentigis pri la kulturlingvo Esperanto.

---

*(Rest von S. 30)*
esperantisten zum Kongreß gekommen, manche von ihnen trotz Repressalien und Verfolgung in ihrem Heimatland, um u. a. mit darüber zu beraten, wie Esperanto noch besser für den nationalen und internationalen proletarischen Kampf genutzt werden kann. Die Kongreßteilnehmer bekundeten ihre Begeisterung über die Errungenschaften der Revolution. Die Kenntnis des Esperanto hat mir auch damals sehr bei der Erlernung der russischen Sprache geholfen.

Abschließend möchte ich sagen, daß ich natürlich durch Publikationen und Gespräche mit sowjetischen Menschen über die Beseitigung der Kriegszerstörungen und die Vollendung des Wiederaufbaues Leningrads informiert war. Aber ich war doch gespannt auf das Wiedersehen mit Leningrad. Und ich muß sagen, in Wirklichkeit war alles noch viel schöner als Berichte und Bilder sowie eigene Vorstellungen auszusagen vermögen. Der weltbekannte Newski-Prospekt und die historischen Gebäude — wie ehedem und doch schöner. Dazu die herrliche Metro, die modernen neuen Stadtteile, die sonnendurchfluteten Parks und Plätze mit vielen Blumen und den gepflegten Wegen, die sauberen Straßen und zahlreichen, von unzähligen Brücken überquerten Kanäle — eine herrliche, sehenswerte Stadt. Die Freundschaftsfahrt nach Leningrad war für mich ein Erlebnis, das wieder Erinnerungen weckte. . . ."

**Sitzung des Zentralen Arbeitskreises**

Am 14. Oktober führte der Zentrale Arbeitskreis Esperanto der DDR seine erste Sitzung nach der DDR-Konferenz durch. Der Vorsitzende, Handelsrat Rudi Graetz, resumierte die wichtigsten politischen Ereignisse der letzten Monate, wies auf die Wichtigkeit des 6. Plenums des ZK der SED für die Esperantisten der DDR hin und legte einige Gedanken zur weiteren Arbeit dar.

Die sehr interessante und lebhafte Diskussion machte deutlich, daß in Zukunft der ZAK und die Bezirksarbeitskreise ihr besonderes Augenmerk den Gruppen widmen müssen. Es folgten Berichte über die Aktivitäten des ZAK bzw. der Bezirksarbeitskreise im Sommerquartal 1972 (W. Röhner – Leningradfahrt, D. Blanke – IV. Konsultation der Esperanto-Verbände der sozialistischen Staaten; Rudi Graetz – 38. Bulgarischer Esperanto-Kongreß: Jürgen Hamann – 28. TEJO-Kongreß; L. Knöschke – Vortrag in Sofia; Ludwig Schödl – Ungarisches Kulturfestival; Rudi Graetz – Ferien in Miedzygorze). Der Sekretär des ZAK, Detlev Blanke, informierte über den VIII. Bundeskongreß des Kulturbundes, der vom 26.–28. Oktober 1972 in Berlin stattfindet.

**Jubiläum Ilse Serowy**

So mancher kennt sie, die unermüdlich im Büro des Zentralen Arbeitskreises wirkende Sekretärin Frau Ilse Serowy. Sie hatte entscheidenden Anteil am Aufbau eines funktionstüchtigen Büros des Zentralen Arbeitskreises. Manche Seite unseres Mitteilungsblattes ging durch „ihre Maschine". Und daß viele Vorhaben des Zentralen Arbeitskreises so erfolgreich verwirklicht werden konnten, ist in hohem Maße auch ein Verdienst der „Mutter der Esperantisten der DDR", wie sie von manchen sicher zu Recht genannt wird. Am 19. Oktober 1972 feierte Ilse Serowy ihren 60. Geburtstag. Man sieht und merkt ihr die 60 nicht an. Und wir wünschen uns alle: Liebe Frau Serowy, bleiben Sie noch recht lange unsere „Mutter der Esperantisten der DDR"!

**Leipzig: Foira renkontiĝo**

En ĉeesto de ĉ. 35 personoj okazis la 6-an de septembro 1972 tradicia Foira Renkontiĝo. Ĉeestis gastoj el diversaj urboj de GDR. La prezidanto de DLR J. Hamann raportis pri la TEJO-kongreso en Torun.

---

Auf der Bezirkskonferenz am 15. April 1972 in Berlin sammelten die Berliner Esperantisten 181,– M für Vietnam.

---

**Malnovaj LEA-anoj rerenkontiĝis**

La 20-5-1972 organizis la Esperanto-grupo Waltershausen renkontiĝon memore al LEA-SAT- kaj IPE-membroj de la distrikto Erfurt.

Oni invitis ĉiujn konatajn iamajn LEA-anojn. Sciante, ke nur malmultaj ankoraŭ vivas la organizintoj estis tre ĝojigitaj, ke 20 iamoj LEA-anoj ĉeestis. La estro de la grupo, Werner Habicht bonvenigis inter la ĉeestantoj speciale la fraton de la murdita esperantisto Oskar Kaufmann.

El la uzino por veturiloj venis reprezentantoj de brigado kiu portas la nomon „Oskar Kaufmann". Oni parolis pri la tradicio de la LEA-movado, taŭgaj por la konstruado de nia nova Esperantomovado en Kulturligo. Pli multe da laboro ni devas ankoraŭ fari, tre vigla ni devas fariĝi ĉar nur malmultaj LEA ge-membroj ankoraŭ vivas.

Problemoj pri la progresaj tradicioj en nia distrikto Erfurt estas la ĉefafero en la historio, kiun ni skribos komune, K-do Habicht montris kolorlumbildojn de LEA-renkontiĝoj kaj diskutis samtempe kun la partoprenantoj pri la bildoj el pasinta tempo. El la renkontiĝo, la

prelego kaj diskuto oni multe lernis por la aktuala laboro de ĉiuj grupoj. Posttagmeze oni iris tra la „Strato Oskar Kaufmann" al la tombejo kaj metis florkronon ĉe la tombŝtonon, sur kiu legeblas: „Batalanto mortis por ni 1932–1972". Oskar Kaufmann estis instruanto kaj estro de la LEA-grupo Waltershausen. La 2-an de majo antaŭ 40 jaroj Oskar Kaufmann estis murdita de reakciuloj.

Sekvis vizito al la muzeo de la urbo Waltershausen en kastelo Tenneberg. La fako pri la laborista movado en Waltershausen kaj ĉirkaŭo estas tre interesa, Tie ankoraŭ videblas ekzemple la standardo de la LEA-grupo Waltershausen kiun la faŝistoj ne ricevis.

Ankaŭ aliaj materialoj de la LEA-grupo el Waltershausen videblis kaj efikis por la vizitantoj kiel bona propagando por Esperanto kaj ties porpaca uzo. Por la maljunaj LEA-Esperantistoj la renkontiĝo en Waltershausen certe restos neforgesebla.

W. H.

**Pionierlager in Sikonda**

Die Teilnehmer des 5. Treffens der Naturfreunde in Abaliget besuchten anläßlich eines Autobusausfluges das Internationale Esperanto-Pionierlager in Sikonda. Dort wurden sie von den ca. 100 Pionieren aus Ungarn, Polen und der CSR mit einem Lied in Esperanto begrüßt. Ein kleines Gesangs- und Tanzprogramm wurde geboten, und dann durften die Schlaf- und Gemeinschaftsräume des Lagers besichtigt werden. In modernen Bungalows waren je 4 Pioniere aus verschiedenen Ländern untergebracht. Stolz zeigten sie ihre Räume und erzählten begeistert von ihrem Lager. Die Betreuung des Lagers lag in den Händen erfahrener Pädagogen.

Die Organisatoren planen im nächsten Jahr wieder ein Zeltlager und würden eine Teilnahme von Pionieren aus der DDR sehr begrüßen. Nähere Auskünfte gibt: HEA, 3a Teritoria Komitato, Pécs 1, Pf. 2 (Hungario)

---

**Peto**

Hungara juna sciencisto serĉas esperantiston el GDR, kun kiu li povus interŝanĝi librojn. Li serĉas jenajn librojn:

1. Marx-Engels-Bracke: Briefwechsel / 1869–80, Berlin, Dietz-Verlag, 1963. 296 S. Bücherei des Marxismus-Leninismus, Nr. 62
2. DIETZGEN: Ausgewählte Schriften, Berlin, 1954
3. GARAUDY, Roger: Die Freiheit als philosophische und historische Kategorie, Berlin, Dietz, 1959
4. GARAUDY, Roger: Die materialistische Erkenntnis
5. HEGEL: Vorlesungen über die Philosophie der Geschichte. Mi scias pri eldono en Leipzig, 1924, sed certe eldoniĝis poste
6. KANT, Imanuel: Kritik der Urteilskraft, 3. Aufl., Leipzig, 1968, 462 S.
7. Marxistisch-leninistische Soziologie, Berlin, Dietz, 1969
8. „Über Kultur, Ästhetik, Literatur" von Marx, Engels und Lenin, 436 S., Pr.: M 3,50, Rub. Nr. 30
9. „Über Realismus" von Bertolt Brecht, 288 S., 2,– M. Rub. Nr. 442
10. „lesezeichen" von Walter Benjamin, 454 S., 3,– M, Rub. Nr. 476

Skribu al Lajos Borbely, Budapest XI, Bocskai ut. 52–54, III/11.




**NI HAVOS NIAN KANTARON!**

La unuan esperanto-kantareton bone ofsetitan sur 32 paĝoj eldonis la esperantistoj de la Distrikto Erfurt. La kantareto enhavas pli ol 20 kantojn kun muziknotoj kaj estas ricevebla por M 1,30 ĉe Centra Laborrondo. Mendu grandkvante! De la sukceso de tiu kajero dependos, ĉu ni eldonos pluajn similajn materialojn!

**Kontaktu niajn polajn amikojn!**

Polaj esperantistoj el Gorzow skribas al ni: En nova situacio, kiam miloj da Germanoj vizitas nian landon, ni petas Vin afable helpi nin por ke germanaj esperantistoj en nia urbo povu viziti nian filion. Estos por ni tre agrable gastigi niajn samideanojn el GDR. Nia filio havas propran ejon ĉe **str. Armii Polskiej 22,** en kiu dum someraj monatoj deĵoras nia estrarano ĉiuĵaŭde de 18-a ĝis 20-a horo. En aliaj monatoj oni povas sonorigi en loĝejo No 12 tuj apud nia ejo, kie loĝas s-ano Cz. Straburzyński, aŭ telefoni 35 50 al s-ano W. Klimek / str. Sikorskiego 134/4, aŭ kontakti kun s-ano Nowak en turisma oficejo PTK ĉe str. Chrobrego. Ni estos dankemaj se Via esperantista medio volus kunligi kun ni kontaktojn.

Kontaktu: Pola Esperanto Asocio, Filio en Gorzów Wlkp., ul. Armil Polskiej nr 22 m 13.

**Medicinista cirkulero**

Multobligitaj „medicinistaj informoj" por esperantistoj — medicinistoj, bestkuracistoj, farmaciistoj, geflegistoj kaj ruĝkrucanoj estas eldonataj sub la redakto de d-ro Josef Hradil, Český Dub, o. Liberec, ČSSR. Interesitaj fakuloj povas mendi ĝin ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Praha 2, poŝt. schranka 8, ČSSR.

**Somera universitato en Liége**

Pli ol 70 personoj el 17 ŝtatoj aŭdis universitatajn prelegojn pri lingvistiko kaj medicinaj sciencoj en la kadro de 3-semajnaj someraj universitaj kursoj, kiuj okazis de 31-a de julio ĝis 20-a de aŭgusto 1972 en la belga urbo Liége.

**Abaliget:**

Am 5. Internationalen Treffen der Esperantisten-Naturfreunde (IREN) im Juli 1972 in Abaliget nahmen 130 Esperantisten aus 13 Ländern teil. Aus der DDR kamen 12 Esperantisten. Die Pécs'er E-Gruppe als Veranstalter mit der umsichtigen, begabten Elizabet Pallós an der Spitze bot ein interessantes, vielseitiges Programm. Die morgendlichen Vorlesungen über Aussprache und Feinheiten der Grammatik fanden regen Zuspruch. Das sommerliche Wetter in der romantischen Mittelgebirgslandschaft mit Seen lud ein u. a. zu Wanderungen, und Ausflügen. So ging es u. a. zu einer aus der Römerzeit stammen-

den Festung; durch pilzreiche Wälder oder nach der blumenreichen Steinkohlengrubenstadt Komló. Ein Besuch galt dem Pionierlager Sikonda, wo Esperanto-Kinder aus Ungarn, Polen und der Tschechoslowakei die Gäste der IREN mit Liedern und Vorträgen begrüßten. Ein Esperanto-Puppentheater der Jugendgruppe erfreute ebenso wie der heitere Abend, zu dem jeder beitragen konnte. Es gab einen gelungenen ungarischen Abend mit Volkstänzen und fröhlichem Ball. Auf dem literarischen Wettbewerb am Abschiedsabend errang Erika Kopietz aus Leipzig mit Gedichten von Heine den 2. Preis.

**Geesperantistoj de GDR ĉe amikoj en ĈSSR**

Estis dudek GDR anoj, kiuj partoprenis la Internacian Esperantistan Renkontiĝon „Arbara kabano" an Jablonec n. N. Bedřichov, 3.–10. IX. 1972. La urbo Jablonec estas amikeca urbo de Zwickau, pro tio ni ĝojis, ke ni ricevis inviton por partopreni la renkonton. Nun ni havas la eblecon, konatiĝi kun geesperantistoj de Jablonec. Belaj stratoj kaj limfacilaĵoj ebligis al ni veturi tra ne konata lando aŭ regiono. Ĉiu tago estis plena da interesaj ekskursoj tra la bela arbaro kaj ĉarma naturo en Iisera montaro.

Veturadoj per aŭtoĉaro ebligis al ni, konatiĝi kun malproksima ĉirkaŭaĵo. Inter alie ni vizitis la regionon „Ĉeĥa paradizo". Ni vidis strangajn monstrajn rokojn sablajn, kastelojn kaj ruinojn. Per rondveturado ni konatiĝis kun Iisera montaro. Alia ekskurso kondukis nin al vitrofarejo kaj al ornamaĵejo.

La vesperojn mallongigis diversaj prelegoj pri Iisera montaro kun lumbildoj. Por ni tiaj tagoj dum la renkontiĝo kun geesperantistoj de Hungario, Pollando, ĈSSR kaj GDR estis tagoj de vera amikeco. Al ni tre plaĉis la esperantista renkontiĝo, pro tio ni kore dankas al la membroj de la Esperantista Klubo Jablonec kaj speciale al la organizantoj.
Rudi Weiß

**Kunveno de filatelistoj en Oswiecim**

30. 9.–1. 10. 1972 okazis en Pollando en la urboj Oswiecim (Auschwitz) kaj Krakovo la jam kvara tutpollanda kunveno de la PZF-klubo „Esperanto". Samtempe okazis simpozio pri „Esperanto en filatelo" kaj ekspozicio de filatelaj ekspozaĵoj pri Esperanto kaj pri la iama germana koncentrejo Auschwitz. Partoprenis ĉirkaŭ 25 filatelistoj, inter ili ankaŭ pluraj, kiuj ne scipovas E-on, sed kiuj kiel filatelistoj kolektas la temon „Esperanto".

Tiu PZF-klubo „Esperanto" estas aparta klubo de Pola Filatela Asocio sub la lerta kaj vigla gvido de Marian Kostecki el la urbo Krakovo.

La ĵus okazinta kunveno estas perfekte organizita. Antaŭ la malfermo de la kunveno malgranda delegacio de polaj, ĉeĥaj kaj germana E-filatelistoj vizitis la sangoplenan teron de la martirejo, iama koncentrejo Auschwitz. Antaŭ la Muro de la Morto ni memoris pri la pli ol 4 milionoj viktimoj de la germana faŝismo, kiuj en tiu inferejo finis sian vivon sub nepriskribeblaj torturoj.

Okazis simpozio pri filatelaj temoj en pola lingvo kaj estis ekspozitaj diversaj E-filatelaj objektoj.

Je la fino de la simpozio k-do Kostecki invitis la ekspozantojn de e-filatelaj ekspozaĵoj al E-filatela ekspozicio okazonta en aprilo en la kadro de la sekvontjara kongreso de Pola E-Asocio. La ekspozaĵoj devas respondi al la postuloj de filatelaj ekspozreguloj. Oni petas niajn filatelistojn en GDR, partopreni per taŭgaj ekspozaĵoj pri E, kiuj jam devas esti montritaj en filatelaj ekspozicioj en GDR. Interesuloj devus tuj anonci tion al nia CLR. (Laŭ R. Burmeister)



*Petro Poliŝĉuk*

# *Malferma letero al usona patrino*

*Jen flugas kaj flugas la nigraflugilaj „Fantomoj"!*
*Jen mortas, pereas, sub tiuj flugiloj, la homoj!*
*Kaj gvidas mortigajn „Fantomojn" ne homoj – fantomoj*
*Sen konscienco, sen ajn kompato al homoj!*

*Jen ŝvelas, vaporas, de sang' saturita, la tero!*
*Jen krevas la bomboj, obusoj kaj ... koroj! INFERO!!!*
*Usonaj murdistoj preĝantaj al Krist' pri konkero!*
*Eĉ Steinbeck ĉi tie murdadis ... serĉante la veron!?*

*Usono! Dekmilon da mejloj en foro!*
*Patrinoj revantaj, pri l'fila reveno, elkore!*
*Malmulto, (kaj kial?), da pacbatalantoj fervoraj!*
*Plejmulto-la cerbolavita amas', senhonora!*

*Gajnante dolarojn, ĝi mute aprobas militon*
*Kaj kredas ŝafece al la gvidantar' hipokrita,*
*En amo al or', kaj malamo al hom' edukita,*
*L'socio, amase naskanta filistrojn, banditojn!*

*Patrino usona, ne revu pri fila reveno*
*Ĝis daŭras TIE milito la plej abomena,*
*Ĝis mortas popoloj de hindoĉinia deveno,*
*Ĝis super Uson', atombombe, fulmtondras la HOMA MALBENO!!!*

---

**Internacia jaro de la libro**

*Ĉiun sekundon kiu preterflugas, la presiloj de la mondo produktas 260 librojn kaj 4500 ĵurnalojn; ĉiun minuton oni eldonas unu libron tute novan. Pli ol 500 000 titoloj en 8 milionoj da ekzempleroj estas eldonataj ĉiun jaron; kaj metitaj flankon ĉe flanko kaj kovrilon ĉe kovrilo, la libroj eldonitaj en unu jaro farus por la mondo trioblan zonon!*

*Ĉiun minuton oni presas en Sovetunio ĉirkaŭ 3000 librojn. Fakte, en tiu lando oni eldonas librojn en 145 lingvoj: 89 lingvoj parolataj en la lando kaj 56 lingvoj eksterlandaj. (Informations-Unesco kaj Informa Servo de UEA).*

*El Letero de Bertil Englund, Svedio*

# Impresoj pri Berlin

*De la jaro 1961 k. ĝis nun mi plurfoje vizitis Berlinon. Mi devas konfesi ke ankaŭ mi, kvankam mi multajn jarojn jam havis socialistan konvinkon, „certan" periodon tenteme estis allogata al la komercigita pulso, kio estas tipa rekonilo por Okcidenta Berlino. La tutan tempon mi tamen estis bonege informita pri la fakto, ke la „ŝajnaj" allogaĵoj, speciale laŭlonge de la mondfama „Kurfürstendamm", estas rapide establitaj nur dank' al gigantaj kapitalrimedoj flanke de Usono, intence realigita politikcele kontraŭ la unua socialista ŝtato sur germanlingva teritorio. Por pli profunde pensantaj „analizantaj" homoj estas jam de longe klara la fakto, ke „la elirpunkto", la jaro 1945 por GFR resp. GDR estis tutdiversa. Eĉ se ne okazintus la dua mondmilito, la tradiciaj cirkonstancoj donis pli da malfavoraj elireblecoj por plua florado en o r i e n t a j partoj de Germanio ol en la okcidentaj partoj. Ni ja scias ke la tradicie industria bazo por la germanoj ĝuste ĉiam troviĝis okcidente. Sed germanaj urboj lige kun s p i r i t a j kulturvaloroj plejparte ĉiam estis lokigata oriente, ekz. Dresden, Leipzig, Weimar, Eisenach, Halle k. t. p. Nu, la dua mondmilito venis kun siaj teruregaj sekvoj: la germana imperiismo kun siaj idiote fatalaj sloganoj kiaj i. a. „Sopiro orienten", „Hejmlokorajto" kaj „Vivospaco" kaŭzis, speciale al pli oriente loĝantaj homoj sur la geografia karto de Eŭropo, nemezureblajn suferojn. Karaj legantoj komparu la helpeblecojn en la jaro 1945 flanke de Usono resp. de Sovetunio al siaj resp. helpobjektoj. Ĉu iu povus postuli, ke Sovetunio kun siaj 22 milionoj da militviktimoj, gigantaj materiaj detruaĵoj, povus helpi siajn socialistojn kunulojn egalrapide kiel Usono, kies teritorio estis centprocente maltuŝita de militdetruado?*

*La nunjaran tutan aprilon mi laboris profesie en Okcidenta Berlino. Kiu ajn povas ripetaĉe admiri kiel bele estas kun tiuj gigantaj neonlumigantaj reklamsloganoj en Okc.-Berlino, sed pli kaj pli da homoj en nia superkomercigita, kapitalisma sistemo pli kaj pli konvinkiĝas, ke „la veraj" vivvaloroj, vera „bonstato" neniel estas belegaj montrofenestroj, amasproduktado de superfluaj varoj. Ne, pli kaj pli da homoj okcidente sopiras al vivo kun ekz. „prezostabileco", minimuma profitado, malmultekostaj loĝejoj, pli da kulturigitaj okupoj. Sed plej grave: sekurigo de la paco.*

*Kun tiaj alstrebitaj vivokonceptoj mi ĝojas, ke DDR ekzistas, obstine vivas, forte kaj pacpotence disfloras, kaj plej grave: ke DDR pozitivcele tiris la konsekvencojn el la fifama historio de la germana imperiismo.*

*Bertil Englund, Malmö/Svedio*

---

Allen unseren Lesern

ein recht erfolgreiches 1973!

# KORESPONDDEZIROJ

## Brazilio

Studento, fraŭlo, 25 jara, dez. koresp., intereso por sporto, muziko, literaturo. Raimundo Francisko de Oliveira, Caixa Postal 07-0319, 70.000 **Brasilia-DF**

## Bulgario

45 lernantoj (15 ĝis 18 jaraĝaj) deziras korespondi kun lernantoj el GDR. Skribu al Velurina kaj Emil Ĉirpovski, **Dospat,** distr. Smoljan, Esperantista Societo „Fajrero", Bulgario
S-ino Dima G. Barakliĉska, Str. Metodi Ŝateraf 6, **St. Pazardĝik,** Bulgario deziras korespondi
Se vin interesas la laboro de Internacia Ligo de Agronomoj — Esperantistoj, tiam skribu al s-ro Ŝterio Kukuŝev, agronomo, str. Oboriŝte 15, **Peŝtera,** Bulgario
Malnova esperantisto kaj filatelisto dez. kontakton kun filatelistoj, kiuj kol. esperantistajn pm kaj aliajn esperantaĵojn, **Sofia-13,** Bul. „Lenin" N 83 — Bloko 107-A — Ljubomir Leviĉarov

## CSSR

Dez. koresp. kun GDR-aninoj, kol. prospektojn, aŭtomobiletikedojn, numismatikajojn, antikvaĵojn, Doktoro (med.) **Michal Rovder, HALIC-OZS,** okr. Luĉenec

## GDR

Tradukisto por la ĉefaj eŭropaj lingvoj dez. korespondi kun ĉiuj landoj pri literaturo, sciencoj, politiko ktp. kol. pm, bk fotojn. Karl Jos. Th. Bannert, 8801 **Zittau 2,** Post Hartau/Oberlausitz, Hartauer Straße 15
Junulo, 23-jara, dez. koresp. kun ĉ. l. pri ĉ. t., speciale pri, lingvoj, artoj, filatelo k. a. Eberhard Küttner, 9262 **Frankenberg,** PSF 15
Esperanto-musikaĵojn por sol- kaj grupkantado klasikaj aŭ popolkantoj-originale en Esperanto verkitaj kaj tradukitaj tekstoj serĉas aĉete, interŝanĝe aŭ prunteprene. Ernst Schonert, 1406 **Hohen-Neuendorf,** Backofenweg 2, Germana Demokratia Respubliko
31 jara infanĝardenistino, dez. koresp. pri pedagogiaj problemoj. Renate Salewski, 8812 **Seifhennersdorf,** Luxemburger Str. 15
Ilfaristo, 18 jara, dez. koresp. pri ĉ. t., kol. bk. Roland Grunewald, 8812 **Seifhennersdorf,** Neugersdorfer Straße 1
Lernantino, 16 jara, kol. aktorbildojn turismo, kol. bk. Liselotte Tischler, 8812 **Seifhennersdorf,** Neugersdorfer Str. 3
Poŝtoficistino, 23 jara, dez. koresp. pri turismo, kol. bk. Liselotte Tischler, 8812 **Seifhennersdorf,** Neugersdorfer Str. 3
Laboristino, 37 jara, kol. bk, dez. koresp. Christine Mann, 8812 **Seifhennersdorf,** Grenzweg 5
Bibliotekisto, 33 jara, dez koresp. pri ĉ. t., kol. esperantaĵojn, bk. Paul Kirsch, 8812 **Seifhennersdorf,** G.-Hauptmann-Straße 3

## Hispanio

Dez. koresp. Francisco Rueda, Ancha 14, **IAEN,** kun mezaĝaj inoj, intereso por pm (faŭno)

## Hungario

Mezjara hungara esperantisto dez. korespondi kun GDR-esperantistoj cele al reciproka gastigado. Feher **Istvan, Hodmezövasarhely,** Lumumba 1
Junulino, 21 jara, dez. korespondi pri muziko, literaturo, arto, kol. gramofondiskojn, bk, pm. Ilona Inansci, **Kecskemet,** IV Ker, Szepes u. 8
Gimnaziano, 17 jara, dez. koresp. kun GDR-gimnaziano, intereso por muziko, sporto, pm, bk. Janos Gabor, **Kecskemet,** Zoja u. 9, sz.
Studento, 22 jara, intereso por muziko, literaturo, naturo, dez. koresp. Peter Erdös, **Budapest 112,** PF. 106

## Japanio

Lernanto, 16 jara, dez. koresp. pri politiko, kulturo kaj turismo. Mori Ikuro, Tugakuti-tyo 4–54, **AMAGASAKI**-Hyogo, ken
Instruisto, dez. koresp. Hirasawa H., 301 **RYUGASAKI**-si, I baraki-ken
Instruisto, 46 jara, dez. koresp. Katutaka Kudo, **AMAKAWA 1—7,** Tutiura-si, ibarakiken 300
Instruisto, 63 jara, dez. koresp. Hirasawa Hideyo, 301 **RYUKASAKI-si,** Waksiba. I baraki-ken

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 78